# juna amiko

DECEMBRO 2009

N-ro 3/2009 (126)

INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE ILEI POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ

## Rido plenan novan jaron 2010!



Neĝ' en ŝuo
Neĝ' sen ĝuo.
Se neĝ' enas,
Ĉu ne ĝenas?



Neĝo?
Neĝo!
Neĝoj?
Neĝoj!
Neĝoje, neĝoje

Neĝo je kap'
Neĝo en bot'
Neĝo per frap'
Neĝo kun kot'.

Rule, bule,
Neĝo-ĵete
Pez-impete.
Stake, pake,
Flak-atake,
Senkompate.
Lanĉ' leĝera,
Mas' neĝera
– Sendanĝera!



Neĝo-ŝtormo
Neĝ-enormo.
Se naĝe...
Ne saĝe!

Neĝo-reĝe
Ver-serene
Reĝo-leĝe
Severeme
Digno-rege
Suverene
– Degenere!
Sunrevene
... Neĝo-reĝ-degele!



smg

Jen estas la hungara versio de la plej populara Esperanto-lernolibro de la lasta jardeko "ESPERANTO PER REKTA METODO"

Aŭtoro: Stano Marček (Slovakio), redaktoro de "Esperanto", oficiala organo de UEA. Ĝis nun la lernolibro aperis en la sekvaj 24 lingvoj: angla, franca, itala, rusa, cina, japana, korea, portugala, pola, slovaka, Esperanto, greka, nederlanda, irlanda, rumana, germana, dana, litova, serba, vjetnama, luksemburga, hungara, kroata, finna.







Tria albumo de la okcitana bando "KAJ TIEL PLU".

Kantoj kaj dancoj el Okcitanio, la Kataluna Landaro kaj el diversaj mondo-partoj kaj epokoj (de mez-epoko ĝis nun) en Esperanto kaj la originalaj lingvoj: okcitana, kataluna, latina, hispana, jud-hispana, kroata, dana, angla.

Muzikoj tut-mondaj kaj por aŭskulti, kaj por danci.

# Pardonoj kaj postenoj

Nia enkonduko devas unue pardonpeti pro la granda malfruo ĉe la lastaj du revu-numeroj. Tio havas simplan kialon. Unu el niaj du redaktoroj fariĝis prezidanto de ILEI (la monda ligo por instruistoj) kaj tio alportas tiom grandan plusan laborkvanton, ke ĝi neniel estas kombinebla kun la striktaj limdatoj de *Juna amiko*. Do, la subskribinto bedaŭrinde devas retiri sin nun el la redakta teamo. Li promesas plue (laŭ la ebloj) verki por la revuo – ĉar verkadon li ŝatas pli ol io alia en la mondo. Sekve, la revuo alvokas por novaj helpantoj:

**Rubrikestro por LUME**
Kiu ŝatas verki por etuloj (4-8-jaraj), jen via ŝanco. Plenigu tri aŭ kvar paĝojn por ĉiu numero de *Juna amiko*. Ni honorarios niajn rubrikestrojn, precipe se ili kapablas liveri prespretan materialon.

**Redaktoro por Juna amiko**
Tiu respondecos pri la revuo ĝis duono (26 paĝoj), kune kun Géza Kurucz, kiu prizorgas la ceteran duonon. El tiuj 26 paĝoj inter 8 kaj 10 estas prizorgataj de rubrikestroj – LUME, prizorganto trovenda ; LUDE, prizorgata de Mónika Molnár kaj la konversacia ekzamen-prepara rubriko de Judit Felszeghy. La nova redaktoro ricevos trejnadon kaj honorarion kaj devas kapabli respekti limdatojn. Enpaĝigaj kapabloj bonvenas sed ne esencas, ĉar ni jam havas novan enpaĝigiston. Ni jam havas bonan kandidaton, sed ni invitas pliajn (sin)proponojn, antaŭ ol decidi la novan teamon.

**Administranto de Juna amiko**
Ni serĉas iun kiu kapablas registri kaj mastrumi la abonantaron, prefere per datumbaza sistemo kaj liveri etikedojn por la ekspedoj. Tiu devas kontaktadi kun la perantoj, ĉu retpoŝte, ĉu tra la peranta viki-paĝaro. Ĉar JA sen administranto tuj paneas, la nuna administranto deĵoros ĝis la trovo de nova, sed kun ĉiam malpli da dediĉebla tempo. La administrado estas honorariata posteno.

**Varba prizorganto por Juna amiko**
Tiu pretigos varbilojn, starigos kampanjojn kun perantoj en selektitaj landoj, trovos novajn perantojn, dismontros la revuon en

renkon-tiĝoj k.s. Ĝis troveblos plenumanto, la varbado por JA fariĝos nur ero en la ĝenerala varbado por ILEI.

Interesiĝantoj por iuj el tiuj oficoj skribu al Géza kaj Stefan por pli da informoj. Espereble ĝis la sekva numero, ni povos raporti pri enposteniĝo de almenaŭ unu el tiuj kvar postenoj.

Intertempe ĝuu la numeron; ekde la sekva paĝo vi trovas la trian kaj lastan parton de la rakonto pri la juna heroo Kay. Ankaŭ la aventuroj de Emil kaj Erni finiĝas post kvarjara aperado. Espereble ili inspiris vin, tiel ke vi ĉiam provas emi lerni.

Nepre reabonu por 2010, fidante ke la revuo transiras parte al nova teamo kun freŝaj fortoj, por plia valoro en nia oferto !

Stefan kaj Géza, Jan 2, 2010.

## *Nia oferto*



Nia hejmpaĝo: http://www.junaamiko.inf.hu/. Vidu ankaŭ la bibliotekon ĉe www.lernu.net

# Renkontiĝo kun roko

Kay atingis la montopinton kaj serĉis kavernon. Li rapide trovis kvin kavernojn. Pere de la flamo ricevita de sorĉisto Depane li eniris la unuan kaj li facile vidis multajn rokojn – sed ĉiuj restis ŝtone senvizaĝaj. Same en la sekvaj kavernoj. En la lasta, enpoŝiginte la lumon, li senespere ve-murmuris: "Kiel trovi vivantan rokon?"

"Voku ĝian nomon!" respondis profunda voĉo el la mallumo.

"Sed mi ne scias ĝian nomon!" respondis aŭtomate Kay.

"Nu, kiu estus logika nomo por ŝtono? Pensu pri la biblio."

"Petro?" proponis Kay, memorante pri la tiunoma apostolo, dirante ĝin en la direkto de kie ŝajne venis la voĉo.

"Saluton! Malplezuro renkonti vin. Pardonu, manprema saluto malfacilas. Mi ne povus movi miajn manojn, eĉ se mi tiujn havus."

"Ne gravas, mi ĝojas renkonti vin." diris Kay kaj mansvingis al la mallumo, al la loko de kiu ŝajne venis la voĉo.

"Kaj – via nomo?"

"Precize tio! Kay! Kiel vi sciis? Mi ne donis al vi help-indikon."

"Ne subtaksu rokojn." respondis Petro iom ironie.

"Vi diris ke <u>mal</u>plezuro renkonti min. Kial?

"Nenio persona. Ĉio en mia vivego estas malplezura."

"Vi sonas tre malĝoja."

"Kial mi ne estu? Mi sidas jarmilojn en ĉi tiu malseka malluma malagrabla kaverno. Mi enuas."

"Kial vi ne movu vin?"

Petro ignoris la demandon kaj diris plue:

"Iam mi kuŝis bele en varma dezerto. La viliĝanoj rulis min en la riveron. Mi ne povis eliri kaj la akvo portis min suben. Poste, iu prenis min per maŝino de tie, metis min en kamionon kaj portis min supren por bloki iun trairejon en ĉi tiu danĝera kaverno. Poste mi eksciis, ke se mi formovos min nur unu metron aŭ du, mi povos fermi la akvofluon al

*VORT-KLARIGOJ*

*Plezuro:* ĝojo
*Enui:* sen io interesa por fari
*Mizero:* malĝojo
*Pleda:* forte peta
*Obstina:* kun forta propra volo
*Havaĵo:* io, kion oni posedas
*Venĝi sin:* kaŭzi malbonon al iu kiu tion faris al vi.
*Mieno:* vizaĝ-esprimo
*Popaŝete:* per serio de etaj movoj
*Niĉo:* agrable eta spaco en la flanko de muro

la dezerta oazo kaj tiel venĝi min kontraŭ la oazanoj kiuj tiom kruele ĵetis min en la riveron kaj kaŭzis mian mizeron."

"Movu vin denove unu metron kaj redonu al la vilaĝanoj akvon. Vi punis ilin sufiĉe." diris Kay per pleda tono. Ŝtona silento.

"Kial mi faru tion? Unu metron pli dekstre estas same malluma, same malseka, same malagrabla. Mi restos! Vi neniel povas devigi min moviĝi!"

"Vi estas obstina ŝtono." konstatis Kay.

"Mi estas rezista roko." konfirmis Petro.



"Sed mi povas doni al vi ion por plezurigi vin kaj agrabligi vian vivon."
"Kion?" skeptikis Petro: "Neniu havaĵo ĝojigos min."
"Nu, rigardu ĉi tiun lumon!" li elpoŝigis ĝin kaj ĝi lumigis ĉion.
"De kie vi havas tian magian lumon?"
"Mi ricevis ĝin de la sorĉisto Depane." La mieno de Petro tuj ŝanĝiĝis.
"Vi havas tian lumon!? Vere? Ĉu vi konas ĝian potencon?"
"Mi kredas. La sorĉisto klarigis al mi tion."
"Per ĝia potenco vi povos refluigi la akvon – sufiĉus diri kelkajn sorĉo-vortojn."
"Mi scias tion, kaj mi konas tiujn vortojn."
"Do, kial vi de la komenco ne diris ilin?"
"Ĉar tiuj vortoj neniigus vin! Vi disflugus en mil pecetojn – en polvon. Mi ne volas fari tion al vi. Des malpli nun, post nia interparolo."
"Mi estas kortuŝita – eĉ se mi povas esti nur ŝtonkora."
Guteto da likvaĵo fluis el fendo flanke de la roko – kvazaŭ ĝi ploras.
"Sed aŭskultu – mi eĉ ne povas plu movi min for de ĉi tie."
"Tio estas rezulto de la venĝemo en via koro. Per la helpo de ĉi tiu lumo, ni povas forigi la negativan senton kaj movi vin."
"Ĉu vere? Ĉu vi helpos al mi transiri al tiu niĉo?"
"Kompreneble. Poste mi donos al vi la lumon – mi ne plu bezonos ĝin. Ĝi forigos la mallumon kaj tenos vin seka. Ĝia magia lumo krome permesos al vi vidi multajn mirindaĵojn el la tuta mondo – vi ne plu enuos."

Helpe de la lumo, kaj forta puŝado de Kay, la roko malfiksis sin de la akvofluo kaj popaŝete transiris al la niĉo. Kay starigis la lumon apude, adiaŭis kaj foriris. Haltinte nur por rakonti la okazaĵojn al la sorĉisto kaj refoje danki lin, li tuj vojaĝis reen al sia dezerta vilaĝo.

Kiom ĝojige esti denove en sunoplena varma pejzaĝo. Tiuj kiam Kay vidis la vilaĝon en la distanco, li komprenis laŭ la ekflorinta verdo ke la akvo jam revenis.



Tuj poste, la vilaĝanoj kaj familianoj kun ĝojo kaj amikeco bonvenigis lin.

Teksto: smg; bildo sur p7: Karina MacGill

# Martin la lingvo-kreonto

Hieraŭ mi (K – Katalin Kovats) estis kun la filo Martin (M) sola dum la tuta tago. Posttagmeze ni sidis sur la balkono kaj dum mi fermis la okulojn li manĝis glaciaĵon. Subite li ekparolis. (1)

M: Mi volas fari novan lingvon.
K *(malferminte la okulojn pro la surpiziĝo)*: Novan lingvon?
M: Jes, por la kompatindaj belgaj homoj.
K: ???
M: Mi ne komprenas kial Zamenhof ne por ili faris Esperanton.
K: Kial vi diras tion?
M: La belgiaj homoj ne havas lingvon. Ili parolas la lingvon de aliaj landoj. Kaj pro tio ili certe kverelas. Mi volas fari por ili la belgian lingvon.
K: Sed estas multaj aliaj landoj, kie oni parolas plurajn lingvojn, fakte de aliaj landoj. Ekzemple ankaŭ en Svislando. Tie estas eĉ 4 lingvoj.
M: Ĉu ankaŭ Monika (2) kverelas en Svislando?
K: Kial ŝi kverelus? Kaj kun kiu?
M: Papa diris, ke Zamenhof faris Esperanton por ke oni ne kverelu, ĉar la homoj ne komprenis unu la alian.
K: Hm, jes, parte veras. Kaj kial ne diri al la belgoj kaj svisoj ke ili lernu Esperanton? Tiel ili povus paroli ankaŭ kun ni kaj kun ĉiuj aliaj.
M: Ne, ne estas bona ideo. Unue ankaŭ ili havu sian lingvon, la 'belgian' kaj la 'svislandian'. Ĉar ili ne havas propran lingvon. Tiel estus juste.

---- *Silento, kelkaj lekoj al la glaciaĵo kaj kapto de sunradioj...*----

K: Kaj kiel vi volas fari la lingvon?
M: Mi skribos sur folion. Ankaŭ Zamenhof skribis vortojn.
K: Kiujn vortojn, ekzemple, kiajn vi skribus ?
M: Pordo ... tablo .... libro....
K: Sed tiuj estas esperantaj vortoj. Do, kiel estus en via lingvo 'manĝi'...?

---- *Martin diris neripeteblan sonkombinaĵon. Ĉu volapuke?* ---

K: Bone, kaj kiel vi dirus: mi manĝas, vi manĝas.... (3)

M (*post iom da cerbumado*): Ne gravas kiu manĝas. Unu vorto sufiĉas por tio.

K: Se ne gravas, donu al mi vian glaciaĵon, kaj nun MI manĝas, kaj VI sunbaniĝas!

---- *Martin ekridetis kaj por tiu tago ni finis lian lingvo-projekton.* ---

**Rimarkoj:**

1) en la hungara lingvo, kun eraretoj. Liajn vortojn kaj stilon mi provas redoni en E-o.
2) Mónika Molnár, kiun Martin tre ŝatas, kaj kiu loĝas en Svislando.
3) en la hungara estas pli granda diferenco en la verbo mem ol en Esperanto, kaj ofte ne necesas la persona pronomo, dum en E-o ĝuste ĝi distingas inter la agantoj.

---

Kiuj aferoj povis influi Martin por ke li ekhavu tiun ideon?



- Martin (6-jara) nun en januaro 2009 ekparolis E-on , kiun li pasive konis jam, aŭdante nin, gepatrojn ĉiam nur tiun lingvon paroli. (Kun li mi parolas la hungaran, mia edzo la francan, kaj li lernas en nederlanda lernejo)
- Sylvain antaŭ semajno parolis al li pri Zamenhof kaj la kreado de la lingvo, ĉar Martin demandis denove kie estas Esperanto-lando kaj kia estas tie la aŭtoŝildeto kaj kiel ekestis Esperanto.
- Antaŭ kelkaj tagoj Margareta Symoens vizitis nin el Belgio. Martin konsciis ke ŝi parolas kaj la nederlandan kaj la francan, sed loĝas en Belgio. Sed ni ne parolis pri lingvaj problemoj dum tiu vizito.
- Kaj eble Martin en la genoj heredis mian emon konsciigi homojn pri la lingvofarado.

Vidu mian eksperimenton kun studentoj antaŭ pluraj jaroj:
http://dok.esperantic.org/dbstudoj/19_katalin.htm

# Kie en la urbo ni estas?

Jen litera sudoko! En ĝi estas naŭ malsamaj literoj, kiuj kune en la unua vico de la enigmo formas vorton, kiu diras al ni, kie ni estas. Ĉu vi konas la regulojn de sudoko? Ĉiu vico (horizonala strio) kaj ĉiu kolumno (vertikala strio) rajtas enhavi ĉiun literon nur unufoje. Same, ĉiu granda kvadrato devas enhavi naŭ literojn – ĉiujn malsamajn! Solvu la enigmon kaj rigardu la plej supran vicon. Tiu estas la solvo-vico. Skribu al ni ret-mesaĝon <stefan.macgill@gmail.com> aŭ leteron. Skribu kie ni estas, kaj tri-kvar frazojn kiuj informas, kion ni verŝajne faras tie. Ni donos premiojn por la plej bonaj respondoj!

Solvo-vico →

vico →

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | | | |
| | | I | E | M | S | C | | |
| | E | C | O | | T | D | I | |
| | C | T | | E | | S | D | |
| | M | | S | | I | | C | |
| | A | S | | O | | I | E | |
| | S | E | I | | M | A | O | |
| | | M | D | T | O | E | | |
| | | | | | | | | |

↑kolumno

## INSTRUISTA ENIGMO

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 |
| 5 | | | |
| 6 | | | |
| | 7 | | |
| 8 | | | |
| | | | |

**Horizontale →**

1. Organizo por instruistoj, kiuj parolas aŭ instruas Esperanton. Eldonanto de ĉi tiu revuo.
5. Tra-naza eksplodo. (R)
6. Estas en grupo.
7. Rezulto de ekzameno (R)
8. Loko kie io brulas (R)

**Vertikale ↓**

1. Kompleta, preta.
2. Studas.
3. Longaj periodoj.
4. Kion oni faras en lernejoj. (R)

(R) = Uzu nur la radikon; sen finaĵo.

# LUME

LA UNUA MIRINDA ETAĜO

**Litero** estas skriba simbolo kiu reprezentas sonon. En Esperanto la rilato inter litero kaj sono estas ĉiam sama: unu litero = unu sono. Tial ni diras, ke Esperanto estas fonetika kaj logika lingvo.

En 'LITERO' estas ses literoj
En 'DU' estas du literoj.
En 'TRI' estas ankaŭ tri literoj! Logike.
En 'KVAR' estas ja kvar literoj. (Ne daŭrigu kun 'KVIN')

La liternomoj de vokaloj estas la vokaloj mem: A, E, I, O, U. La liternomoj de la konsonantoj estas formitaj per aldono de la litero "o": BO, CO, ĈO... kaj tiel plu. Diru la tutan alfabeton! Brave, nun inverse!

**Silabo** estas grupo de literoj, ĉiam vokalo plus kutime unu ĝis tri konsonantoj. Jen kelkaj vortoj, aranĝitaj laŭ silaboj, kun la akcentata silabo montrita (la antaŭlasta):

| | | |
|---|---|---|
| **JU**-NA | LO-KO-MO-**TI**-VO | PART-**NE**-RO |
| A-**MI**-KO | RI-CE-**VAN**-TO | **STRAN**-GA |

Diru Esperantajn vortojn, kaj via kunludanto devas diri kiom da silaboj!

**Vorto** estas la plej malgranda ero en lingvo, kiu portas propran signifon. Vorto estas formita el literoj, kaj ankaŭ el silaboj. Pro la finaĵoj, estas malmultaj unu-silabaj vortoj en Esperanto:

'PER' estas unu-silaba vorto.
'MANO' estas du-silaba vorto.
'KOLORO' estas tri-silaba
'KROKODILO' estas kvar-silaba.

Tipe, vorto konsistas en radiko kaj finaĵo: butik-o, kur-i. Foje ĝi havas prefikson komence: re-ven-i, mal-fort-a, kaj foje ĝi havas sufikson antaŭ la finaĵo: manĝ-ej-o, pluv-eg-i. Ekzistas eĉ vortoj kun prefikso kaj du sufiksoj: ge-instru-ist-aro.

Nun, solvu la taskon sur la sekva paĝo!

Jen dek ok pliaj kialoj kial malsukcesas vokoj:
Ĉe vi aŭ ĉe la persono al kiu vi volas voki...



1. la baterio elĉerpiĝis.
2. la ŝargilo ne plu funkcias.
3. la ŝargilo ne estas trovebla.
4. la ŝargilo estis ŝtelita.
5. la telefono estis ŝtelita.
6. la telefono ne plu akceptas ŝargon.
7. la telefono estas detruita, ĉar iu provis ŝargi ĝin per la malĝusta ŝargilo.
8. iu ĵus faligis la telefonon en grandan poton da jogurto.
9. iu ĵus faligis la telefonon en malgrandan poton da jogurto.*
10. la servo-liveranto ĵus bankrotis pro la monda ekonomia krizo.
11. la banko de la servo-liveranto ĵus bankrotis pro la monda ekonomia krizo.
12. la pico-liveranto al via servo-liveranto ĵus bankrotis pro la monda ekonomia krizo.**
13. la uzata veturilo ĵus eniris tunelon, kie signal-ricevo maleblas.
14. ĉiuj proksimaj signal-transigaj turoj estis eksplodigitaj de teroristoj.
15. ĉiuj proksimaj signal-transigaj turoj estis samtempe trafitaj de fulmo.
16. la signal-transigo-tur-prizorga kompanio (aŭ ĝia banko aŭ pico-liveristo) ĵus bankrotis pro la monda ekonomia krizo.
17. la tria mond-milito ĵus komenciĝis.
18. la tero estas trafita de aerolito.

Venont-foje kiam paneos voko ĉe vi, uzu la supran kontrol-liston por eltrovi la kialon. Se vi ne sukcesos en tio – serioze konsideru la eblecon, ke la mondo ĵus venis al fino – kaj vi estas la lasta homo por rimarki tion!

smg, dec. 2009.

* speciala versio de la leĝo de Murphy diktas ke la telefono ĉiam dum la falo orientiĝos sin, tiel ke ĝi povu fali en la kiel eble plej malgrandan poton da jogurto. Provu foje, kiam mi havas poton da jogurto, kiun vi pretas malhavi!

** evidente, neniu pretas plue labori sen ricevi picojn tagmanĝe.

La paroloj en transportiloj estas aŭ tiom mallaŭtaj, ke vi aŭdas nur ĉiun okan vorton (tipe: kaj, ankaŭ, sed, diable...) aŭ tiom laŭta ke pro la mistordo de la voĉo vi komprenas nenion. Ĝis vi sukcesis trovi kaj puŝi la butonojn por ŝanĝi la laŭtecon, vi aŭ faligis la aparaton aŭ la voko jam paneis, pro unu el la pli sube listigitaj kialoj.



Kiam la ŝargo-nivelo fariĝas tro malalta la brusignalo tiom subitas kaj laŭtas, ke vi preskaŭ suferas kor-atakon. Sed kiam alvenas tekstmesaĝo, ĝi pepetas tiom timeme, ke vi eĉ ne rimarkos.

La ŝargo-nivelo de via telefono atingos tiun minimumon je la tria matene en nokto, kiam vi forgesis elŝalti ĝin, kaj lasis ĝin sufiĉe proksime, por ke ĝi minacu ĝenadi vin ĉiuhore, sed sufiĉe malproksime, por ke vi devas leviĝi plene por silentigi ĝin. La ŝancoj de kor-atako je tiu horo, pro ĝia graka blekado 'Vekiĝu! Ellitiĝu! Manĝigu min!' estas double pli ol en la tago.

**Apartaĵoj por esperantistoj ĉe SMS:**

Viaj teksto-mesaĝoj pleniĝos je la litero 'S' pro la verbo-finaĵoj, kaj la litero 'Z' por Zamenhof, kaj ĝuste tiuj estas la solaj du literoj, kiuj bezonas kvar klavo-premojn. La literoj de la ofta vortfina kombino 'ON' troviĝas sam-klave, do necesas paŭzi longe inter ili – sekve ni devas timi ankoraŭ pli grandan falon en la nivelo de akuzativa uzo inter telefonemuloj.

Evidente vokoj povas panei pro plej diversaj kialoj. Ekzemple via servo-liveranto povos bankrotiĝi pro la bankrotiĝo de la servo-liveranto de la homo, kiun vi alvokas.

Tio povas okazi ankaŭ inversdirekte.

**Vortklarigoj**

*Ekskludi:* lasi ekster elekto
*Banala:* senenhava
*Ŝargilo:* apartato por remeti elektron en telefonon.
*Obstaklo:* Malhelpaĵo, baro.
*Ekskluzive:* nur, senescepte.
*Sufoki ion:* senigi ĝin de aero.
*Mistordo:* Fuŝa miksado.
*Bankroti:* Veni al financa kolapso.
*Fulmo:* Elektro ku venas el nubo.
*Aerolito:* Rokego iranta tra spaco.

# La frenezigaflanko de poŝtelefonoj

En malnovaj tempoj, kiam surstrate homoj parolis al si mem, oni rajtis konkludi, ke ili estas frenezaj. Nuntempe, ili nur parolas per poŝtefelono aŭ rimeno-komputileto kun aŭskultilo kaj mikrofono. Kio ne ekskludas la eblon, ke ili tamen estas samtempe frenezaj.

Komence, jen iom da bazaj leĝoj rilate al tiaj telefonoj:

- Kiam vi vidas ion fotindan, via aparato restis hejme.
- Vi ĉiam forgesas elŝalti ĝin en teatro, sed kiam venas grava voko, vi forgesis enŝalti ĝin.
- Ju pli banala la enhavo, des pli bone funkcias la aparato.
- Vi ĉiam forgesas elŝalti ĝin nokte, kaj se ne, vi forgesas reenŝalti ĝin matene.
- Por gravaj vokoj la aŭdeblo estas fuŝa, sed en manoj de laŭtaj kriemuloj apud vi en trajno kie vi volas ripozi, la aparato brile funkcias dum horoj.
- La ŝargilo ĉiam troviĝas en alia loko ol tie, kie mortis la telefono.

Dum vi sidas trankvile hejme, neniu vokas. La voko alvenas, kiam vi estas malsupreniranta el malnov-tipa alt-planka tramo kun pezaj sakoj da aĉetaĵoj, aŭ kun infanoj en puŝ-ĉaro, aŭ kiam vi kun similaj obstakloj estas provanta transiri trafiko-plenan strategon en lando kun ekskluzive sovaĝaj ŝoforoj.



Ĝi ĉiam malŝarĝiĝas en la momento kiam vi pleje bezonas ĝin. Dum kvar tagoj kiam ĝi funkcias, neniu vokas vin kaj vi neniun. Se vi lasas ĝin neŝargita dum eĉ unu horo, dek personoj poste plendas ke vi estis neatingebla.

En kinejo, se vi forgesos elŝalti ĝin, iu atendos ĝis la klimaksa sceno por tuj voki vin pri malgravaĵo. Vi tiam sidos mezvice – en la mallumo vi ne vidos kiel elŝalti ĝin – dum la voksignalo progressive laŭtiĝas, via sola fareblaĵo estas sufoki ĝin en vian sakegon da puf-maizo.

# Konstruu frazon el silaboj

Ni donas kvar helpilojn por trovi vortojn aŭ silabojn. Per ili vi konstruos sekretan frazon. La helpilo estas difino aŭ ekzemplo. La ekzemplo estas vorto, kie mankas tio, kion vi serĉas.

**❶** *du literoj*
*Difino:* Demando-vorto
A: Ke__po
B: Ri__lo
C: Ke__a

**❷** *du literoj*
*Difino:* Alternativo
A: Bald__
B: Ank__
C: Presk__

**❸** *kvar literoj*
*Difino:* Granda pezo
A: For____
B: Ka____
C: Opor____

**❹** *du literoj*
A: Kr__kas
B: __pero
C: Inter__a
Ĉ: P__ilo

**❺** *tri literoj*
*Difino:* Trinkuj´
A: Pre___
B: ___ko
C: Fan___ta

**❻** *tri literoj*
*Difino:* Numero pli ol du
A: ___tiko
B: Pa___no
C: Pen___

**❼** *tri literoj*
A: ___cidomo
B: ___riĝis
C: La___
Ĉ: Kri___no

**❽** *du literoj*
*Difino:* Esprimas kondiĉon, ion malcertan
A: __vera
B: Kon__rvi
C: __sio

**❾** *kvar literoj*
*Difino:* Rimeno
A: Kan____
B: Pri____
C: Be____

Skribu la trovitajn silabojn en la kestojn kaj malkovru la sekretan frazon. Ĉu vi konsentas kun tio? Ĉu jes, ĉu ne? Skribu al ni pri tio!

**LUDE**

LA UNIKA DUA ETAĜO

La rubrikon prizorgas:
Mónika Molnár

# Rakontu al mi... - 1

Nova tago, novaj aventuroj. Kontentulo trankvile trinketis sian limonadon en la ĝardeno kaj legis sian ĵurnalon. Estis paca silento. Eĉ, estis silentego. Fakte, estis tro da silento. Kie estas Kontentulido? Li ĉirkaŭrigardis, sed ne vidis sian filon. Li serĉis lin ĉie en la ĝardeno, sed ne trovis sian idon. Normale li saltadas ĉirkaŭ la patro kun siaj amiketoj kaj ĝoje ludas. Kie do ili estas?







Ho, li ekhavis ideon! Per decidaj paŝoj li iris al la ĝardena infan-dometo. Enrigardis la fenestron kaj ... jen la infanoj! Ili estis tie, sed faris ... nenion! Ne estas normale, kiam infanoj faras nenion. Ni vidu, kio okazas.

- Saluton Kontentulido, saluton Ludemulido kaj Ridemulido! Kion vi faras?
- Nenion.
- Ne eblas, oni ĉiam faras ion. - diris al ili Kontentulo.
- Jes, ja. Mi volis diri, ke ni faras nenion interesan. Fakte, ni enuas iomete. - diris Kontentulido, lia filo.

Kaj la infanoj rigardis lin kun grandaj petegaj okuloj.

- Ĉu mi povus iel helpi vin? Ĉu mi povus iel kontentigi vin? - demandis Kontentulo.
- Eble jes. - diris Ridemulido.

- Do, diru al mi, kion vi ŝatus fari? Kion vi ŝatus havi? Kion mi povas fari por vi? - demandis Kontentulo.
- Rakontu al ni ion! - diris koruse la infanoj. - Vi tiel bone rakontas.
- En ordo. - diris Kontentulo. - Mia ĵurnalo ne forkuros, mi povos legi ĝin poste. Ĉu vi jam elektis, kiun historion vi ŝatus aŭdi?
- Atendu! Atendu momenton! - kriis la infanoj, kiuj denove vigliĝis kaj entuziasme komencis serĉegi libron sur la bretoj.
- Jen! Tiun ĉi ni ŝatus. Estas bela arbo sur ĝi.
- Efektive, kaj eĉ la titolo estas: „La arbo".




Ili ĉiuj komforte eksidis kaj ekaŭskultis la historion pri la arbo.

## La arbo

verkis Quentin Finger /Konten Finger/



Estis foje bela, granda arbo, kiu volis doni ĝojegon al la infanoj, kiuj ludis sub siaj branĉoj.
Por doni ĝojegon, la arbo kreskigis belajn, ruĝajn pomojn.



Sed ... neniu volis la belajn, ruĝajn pomojn.
La infanoj malkontentis kaj la arbo malĝojis.



La arbo ne perdis la esperon, li volis doni ĝojegon al la infanoj.
Por doni ĝojegon, la arbo kreskigis belajn, flavajn citronojn.



Sed ... neniu volis la belajn, flavajn citronojn.
La infanoj malkontentis kaj la arbo malĝojis.



La arbo ne perdis la esperon, li volis doni ĝojegon al la infanoj.
Por doni ĝojegon, la arbo kreskigis belajn, flavajn bananojn.



Kaj ... ĉiuj volis la belajn, flavajn bananojn!
La infanoj kontentegis kaj la arbo ĝojegis.

*Kaj vi, karaj junaj legantoj, ĉu ankaŭ vi preferas la bananojn al la pomoj kaj citronoj? Rakontu al ni viajn preferojn pri fruktoj!*

# Konversaciaj temoj

help-materialo por ekzamenotoj

Rubrikestro: Judit Felszeghy

## I. La decido

– Neniun ideon mi havas, kion kuiri por dimanĉo...
– Tamen, kara mia, vi ĉiam havas ege bonajn ideojn...
– Ĉi-foje neniun... Kion vi preferus, kara?
– Ho, pri mi ne zorgu, mia edzineto! Vi ja scias, ke mi ĉion volonte manĝas.
– Vi neniam helpas min almenaŭ por doni ideojn!
– Tiel... eble... gratenitan porkaĵon... kun kukurbeta salato kaj buljonon...
– La samon ni manĝis la lastan semajnfinon. Krome, mi ne certas, ĉu sabate antaŭtagmeze mi ricevos vere freŝan porkaĵon. Tumulto en la merkato, kie mi povos aĉeti la legomojn. Aĉeti krome oleon en la ĉiovendejo, ovojn, nudelojn por la supo. Kiam mi finos ĉion ĉi, estos preskaŭ tagmezo. Eĉ sen mencii, ke miaj brakoj doloras pro la portado de varoj...
– Edzineto mia, ni manĝu en restoracio! Mi ne volas, Ke vi tiom multe suferu!

## II. En la restoracio

– Ĉu tiu ĉi ne estas tre multekosta restoracio por ni? Kiom elegante!
– Ne zorgu pri tio,



kara, foje ni povas permesi al ni manĝi iomete pli lukse...
- Kie ni sidiĝu? Mi ne volas manĝi proksime al la tualetoj... Ne, ankaŭ tie ne taŭgas, tuj apud la enirejo al la kuirejo... Eble en la angulo?...
- Ĉu vi estas duope? Ĉu por tagmanĝi? Bonvolu... Jen la menu-karto. Kiun trinkaĵon mi alportu?
- Mi trinkus iom da bier...
- Kara, vi stiras... Mineralan akvon por ni ambaŭ, sen gaso.
- Ĉu vi jam elektis?...
- Ĉu vi havas iun specialaĵon de via restoracio?
- Nia meleagra fileo laŭ diboĉemula maniero estas ege populara.
- Tio sonas interesa! Kion signifas tiu maniero?
- Post surkrada fritado de pikante spicita meleagraĵo ni aldonas maizonon, fungon trempitajn en seka blanka vino, kaj...
- Dankon, sed eble ion ne kun alkoholaĵo...
- Same favorata estas nia cervaĵo laŭ ĉasista maniero, en kiu apud la mola stufita tranĉaĵo estas diversaj...
- Ne, cervo-viandaĵon mi ne manĝas...
- Mi proponas nian faman fiŝistan supon, el divers-specaj fiŝoj, kun...
- Mi ĉiam timas la fiŝostetojn, la onklo de mia amikino foje preskaŭ mortis, ĉar ŝi malatente englutis osteton...
- Bongustega estas nia specialaĵo, ŝinko fritita en bulko, kun multe da cepo kaj...
- Ĉu eble ion pli leĝeran? Mia edzo ne bone digestas cepon.
- Ni havas patkukon kun juglando kun ĉokolada saŭco, nudelojn kun fritita lardo kaj kazeo, pokalon da diversaj glaciaĵoj kun batita lakto-kremo kaj karamel-pecetoj...
- Ho, mi ne volas tiom da kalorioj...
- Eble salaton el diversaj laŭsezonaj legomoj, kun pecetoj da fritita kokidaĵo, olivoj, kun pikanta saŭco kaj...
- Ĉu vi havas ion pli simplan... mi iom timetas la nekonatajn saporojn.
- ...
- Mi vidas en la menu-karto gratenitan porkaĵon, kun kukurbeta salato...
- Jes, ni havas ilin, sinjorino. Ĉu iun plian?
- Antaŭe buljonon kun fadeno-nudeloj. Jen ĉio.
- Dankon. ...

– Kuirejo! Mi mendas du gratenitajn porkaĵojn, kun kukurbeta salato kaj du buljonon por la tablo tri.

**Taskoj:**

**I.**

Kiun vi kaj via familio manĝas kutime semajnfine?
Ĉu vi helpas prepari la manĝaĵon? Pri kio vi helpas (senŝeligo de terpomo, tranĉado de legomoj, ktp)?
Kiu plenumas la aĉetadon por la semajnfina manĝado? Kion vi devas aĉeti, kaj kie?
Kio estas via preferata manĝaĵo hejme? Ĉu vi povas mem prepari ĝin? Kiel? Skribu instrukciojn por komencanto, kiel prepari ĝin.
Skribu leteron, en kiu vi priskribas la preparon kaj poste la tagmanĝon.

**II.**

Kiom ofte vi, via familio vizitas restoracion?
Laŭ kiuj kriterioj vi elektas sidlokon en restoracioj? Kie vi ŝatas sidi?
Laŭ kiuj kriterioj vi elektas pladojn en la menu-karto? Ĉu vi demandas konsilon de la kelnero?
Kion vi kutime trinkas en restoracio? Preparu vi mem menu-karton. Ne forgesu pri supoj, garnaĵoj, desertoj, trinkaĵoj! Aldonu ankaŭ prezojn!
Preparu dialogon, aŭ rolludon kun viaj gekursanoj: imagu, ke vi estas en restoracio, kaj elektas diversajn manĝaĵojn, sed neniu povas eltrovi ion, kio konvenas por vi,
Aŭ: kun viaj geamikoj (partnero) vi estas en restoracio, sed la alportitaj manĝaĵoj ne estas bongustaj, malvarmiĝis, ne estas freŝaj,
Aŭ: fine da la manĝado la kelnero ne precize kalkulis vian fakturon, kaj intence aŭ neintence li pagigas pli multe, ol vi konsumis.



EMILERNI
Emilo puŝas denove la Universalan Ligvigligilon. Ĉio nur pli konfuziĝas...
Dua puŝo de ULO!? Klare... frenezulo!
ET
Kie ni estas?
Ĉu nigra TRUO?
Ne TRUO, sed TURO!
Bonvenon al la Tut-Universa RestoraciO!
Al la TURO!
TURO!? Aspektas al mi pli kiel KARIKATURO!
TURO
Pilafoj por ĝirafoj
Kres-poj por estroj
JC 40-99
Ne malbone, sed vi piedoj pli bon-fartas en la 24a!
Kiam alvenos mia bunĝiba salato? Mi mendis ĝin antaŭ tri zboroj!
JC 25-39
Kol-basoj por la masoj!
Brasikoj por pra-sikhoj!
Bananoj por afghanoj
JC 0-24
Spag-etoj por pro-letoj!
Bifstekoj por aztekoj!
Lentoj por egiptaj gentoj!
Mangoj por kvangoj!
Kapo! Kiel estas tie supre, en la 42a jarcento?



Por kiu la bunĝiba salato?
Super ĉio la rideto
Ne ni! Ĉi tio estas la tria jarcento, sur planedo Gjarg. Bunĝiboj aperas nur ekde la dudektria jarcento!
Bu...
NE! Trabantaj tempo-maŝinoj por ni!
Super ĉio la malrideto!
NE! Ni manĝos la sekvan sentrabantan kelneron!
Vi ne imagas kiom lacige estas servi tablojn tra 75 tempo-zonoj!
Amuza loko! Tiom da epokoj – tiom da lingvoj!
Prave! La restoracio ja estas TURO – **BABELA TURO!**
Ho, jen antikva kuirejo! Kaj malantikva kuiristo! Kia bona odoro!
Dua jarcenta kuirejo
Romiaj pladoj
SPQR
Ne kredu ke tio facile rezultas! Kiel oni diras: 'Aromo ne konstruiĝis en unu tago!'
Saluton! Mi rekonas vin el iu filmo!
. Mi estas E.T. Estonta Turisto. Mi venas el la jaro 4009 per la.plej moderna tempo-maŝino, konstruita el frozgabo.
Frozgabo? Kio estas tio?
Maŝino inventita en 3597.
Ha, ideo! Ĉu mi rajtas uzi ĝin momente?
Kion vi faros?
Mi reiros al 2009 kaj mal-kovros kiel elŝalti ĉi tiun ULon.
Kial elŝalti min!?
Ne vin, ĝin. La ligvigligilon!
Ni iru kune – mi devas gvidi. Ensaltu, ni tuj ekiru al 2009...


ĜIS! GLIS!
ĜIS!
ĜIS!
Dume
Ĉu iu en tempozono 18 mendis bunĝiban salaton?
Papa!
Jes, ni mendis ĝin, por savi nian familianon!
Dume... en galaksio plore fore for...
AHA!
JA 2009 3
Ni revenis!
Kion ni devas fari?
Ni devas puŝi ĉiujn aliajn butonojn samtempe.
Hu! Erni, vi puŝu 5, mi puŝos 5 kaj E.T. vi puŝu 5.
ULO jam puŝita!
Ni vizitis la presejon, atendis la aperon de numero 2009/3 de Juna amiko, turnis al paĝo 25 kaj legis la solvon.
Ne necesas! Mi estas ĝuste 15-braka estaĵo. EK!
Mirinde! Ĉio ĉesis! Jen ni denove, sen la tuteco de civilizacio. Kie ni estas?
Ha! Ni staras antaŭ la sama presejo. Vidu, aperis numero de Juna amiko!
PRESEJO
JA 2005 1
La unua numero de 2005! Perfekte! Ni turnu al paĝo 24 denove! Tie ni trovos la komencon de niaj aventuroj!
Kiom bone!
**Fine, ni revenis ĝusta-tempe!**
EMIL
ERNI

# LA SIGNIFO DE RUĜO

Kion signifas la ruĝa koloro por vi?
Jen kelkaj respondoj. Sendu al ni viajn!

### Ruĝo = forteco

Ruĝa estas forta, klare videbla koloro. Oni uzas ĝin kiam oni desegnas koron. Ĝi simbolas bravecon, bonŝancon, sangon, vivon, la leviĝantan sunon, fajron, varmon kaj energion. Sekve, ĝi simbolas emociojn: koleron, amon, doloron kaj memoferon. Oni populare opinias ke ruĝ-haruloj (rufuloj) estas koleremaj kaj fajro-temperamentaj.



### Ruĝo = danĝero




Ruĝo signifas danĝeron aŭ malpermeson. Oni uzas ĝin por haltiga ŝildo. En la tuta mondo, ruĝa trafiklampo signifas halti. Tio validas ĉe vojkruciĝoj, por trajnoj kaj en havenoj. La internacia normo pri trafikŝildoj uzas ruĝan cirklon, kun aŭ sen trastreko por signi ke io estas malpermesata. Ruĝa triangulo signifas ke oni devas atenti ion.

Verku viajn proprajn ŝercajn ŝildojn, ekzemple...



**Atentu, ombrelo-fabriko**

### Ruĝo = festoj

Ruĝo estas koloro ĉe Kristnasko (Sankta Nikolao) kaj la Tago de Amo (Sankta Valentino). Sur kalendaroj oni kutime indikas ripoz- kaj festotagojn ruĝe por elstarigi ilin. Tial, se iu tago estas aparte grava por persono aŭ familio aŭ kompanio (ekzemple datreveno), oni nomas tiun tagon ruĝ-litera aŭ ruĝ-cifera.

## Ruĝo en flagoj

Pro la ligo de ruĝo kun vivo, sango, potenco kaj emocioj, ĝi aperas sur tre multaj naciaj flagoj.

Respondu la sep demandojn. Ĉiu demando havas nur unu ĝustan respondon – ĝi estas la nomo de lando. Fine, skribu la sep komencliterojn en la kestoj sube por trovi unu el la signifoj de la vorto ruĝa.

① Kiu eŭropa flago ja enhavas ruĝon? Finna, Irlanda, Greka, Albana, Sveda.
② Kiu latinamerika flago ja enhavas ruĝon? Argentina, Brazila, Gvatemala, Salvadora, Venezuela.
③ Kiu eŭropa flago ne havas ruĝon? Nederlanda, Franca, Germana, Estona, Hungara, Itala.
④ Kiu afrika lando forigis ruĝon de sia flago en 2001? Egiptio, Mozambiko, Ruando, Senegalo, Sudafriko.
⑤ Kiu flago ne enhavas ruĝon? Ĉina, Usona, Rusa, Etiopia, Nov-Zelanda, Tanzania, Uganda.
⑥ Kiu flago ja havas ruĝon? Hindunia, Pakistana, Kazaĥa, Omana, Ukraina?
⑦ Kiu flago ne enhavas ruĝon? Benina, Japana, Kanada, Kenja, Niĝeria, Perua?

Ruĝo signifas ☐ ☐ ☐ ☐ ☐ ☐ ☐

## Ruĝo en spaco

Marso estas nomata 'la ruĝa planedo' pro la multa feroksido tie; tradicie Marso estis la Dio de milito, kio revenigas nin al la ruĝeco de sango kaj batalado. La plej granda planedo, Jupitero, havas ruĝan makulegon – pli grandan ol la tuta tero – kiun oni supozas longviva ŝtormo.

## Ruĝa fadeno = ripeta temo

En pluraj lingvoj oni tiel nomas iun temon aŭ ideon kiu plurfoje ripetiĝas tra iu diskuto aŭ prezentaĵo.

## Ruĝo = atentu!

La ruĝa koloro vekas la emociojn, konstrate al verda, kiu estas ripoziga. Tial ekzemple fajrobrigadaj veturiloj kutime estas ruĝaj (krome ĝi estas koloro de flamo), kaj krizveturiloj (ambulancoj kaj policaŭtoj) ofte havas ruĝajn pulsolumojn supre. La plej fortan punon en futbalo oni signalas per ruĝa karto.



## Ruĝrubanda = burokrata

En Britio, la fasko de dokumentoj, kiujn ministroj devis legi kaj subskribi estis kunfiksitaj per ruĝaj rubandoj. Sekve, kiam iu leĝo aŭ peto restas tra multaj monatoj ne aprobrita aŭ respobndita, oni diras ke ĝi estas 'kaptita ĉe ruĝa rubando'. Por efikigi aferojn oni 'tranĉas tra la ruĝa rubandaro'.



## Kaptita ruĝmane = pruveble kulpa

Iu vidita faranta krimon, tiel ke lia kulpo estas senduba estas 'kaptita ruĝamane' – pro la restinta sango pro la krimo. La diro datiĝas de la 12a jarcento, kaj aperis unue en literaturo en la romano Ivanhoe de Walter Scott en 1819.

## Ruĝa ĉielo vespere, ŝafista ĝojo
## Ruĝa ĉielo matene, ŝafista averto.

(Ŝafistoj kaj maristoj uzas tiun diraĵon, kaj ĝi enhavas veron.)

**NIA KULTURA HEREDAĴO**

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo dank' al la plumo de nia fidela amiko, elstara islanda poeto, Baldur Ragnarsson. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi celkonscia esperantisto, sukcesa pledanto por nia nobla ideo. (Red.)*

## 27 *Johan Hammond Rosbach – klasika novelisto*

**BILDOJ EL LA HISTORIO**

La verkisto, kiun mi nun prezentas al vi, ne distingis sin per verkado de poemoj, sed per verkado de rakontoj. Lia nomo estas *Johan Hammond Rosbach*, unu el la plej produktivaj rakontistoj, verkistoj de noveloj, en Esperanto ĝis nun.

Unue indas iom konsideri la diferencon inter *novelo* kaj *romano*. Ambaŭ estas image kreitaj verkoj en prozo. Ĝenerale oni povas diri, ke romano estas longa verko, novelo mallonga. Longeco tamen estas iom nekaptebla kriterio, ĉar noveloj povas esti eĉ ekstreme longaj aŭ tre mallongaj. Edgar Allan Poe, amerika aŭtoro kaj majstro de la novelarto (1809-49), difinis novelon kiel prozan rakonton tralegeblan dum duonhoro ĝis unu aŭ du horoj. Novelo celas al unu klara efiko, sed tamen estas sufiĉe fleksebla por inkluzivi plej diversajn temojn: scenon, epizodon, sperton, agon, karakterizojn, konversacion, fantazion ... la eblecoj estas fakte senfinaj. Ofte simple *rakonto* estas preferinda por tia verkaĵo. Estas notinde, ke grava kolekto de noveloj, originale verkitaj en Esperanto, aperinta en 1977, havas la titolon *33 rakontoj*. Ni, do, nomu nian hodiaŭan verkiston *rakontisto*, ĉar lia verkaro ĉefe konsistas el mallongaj rakontoj, noveloj.

*Johan Hammond Rosbach* naskiĝis en 1921 en Tingvoll, municipo en Møre kaj Romsdal provinco, okcidenta Norvegujo. Li mortis en sia 83-a jaraĝo, en 2004.

Li studis filologion en la Universitato de Oslo kaj poste vivis kaj instruis en Sarpsborg en sud-orienta Norvegujo. Li lernis Esperanton kiel junulo en 1938 kaj estis agema en la Esperanto-movado kiel lerta instruisto laŭ la instru-metodo de Andreo Cseh, kiel redaktoro de la revuo "Norvega Esperantisto" kaj kunredaktoro de internacia kultur-revuo "Norda Prismo". Li estis membro de Akademio de Esperanto. Sed unuavice li estas memorata kiel populara verkisto, kontribuanto al revuoj

# LITERATURO DE LA ESPERANTA

kaj aŭtoro de 11 libroj, plejparte kolektoj de noveloj.

Lia unua libro, *Bagatelaro*, aperis en 1951. En la antaŭparolo li skribis, ke la ĉefa celo de tiu rakontaro estas doni facilan kaj varian leg-materialon al samideanoj, kiuj ne plu estas puraj komencantoj. Tiu celo atestas pri la pedagogia sinteno de Rosbach, li celis kaj sciis esprimi sin tiel, ke ankaŭ novaj adeptoj de la lingvo facile komprenis. Tiu sinteno karakterizas lian stilon, ne nur en tiu lia unua libro, sed ankaŭ en liaj multaj novelaroj poste verkitaj tra la jaroj. Sed liaj verkoj ankaŭ atestas atentindajn literaturajn valorojn, kie elstaras akra observo-kapablo kaj varieco de temoj.

En sia dua rakontaro, *Homoj kaj riveroj* (1957), oni povas klare konstati la kutimajn fontojn de lia temaro. Unu estas la infan-aĝaj spertoj de la aŭtoro mem, alia estas fantaziaj cirkonstancoj kun sociecaj tendencoj, tria estas filozofiaj problemoj postulantaj meditadon. Estas menciinde, ke en unu novelo, "Fantazio", li faras interesan komparon inter romano kaj novelo: "Ofte oni diras, ke la vivo estas romano. La vivo ne estas sinsekvo de okazaĵoj elpensitaj; multaj malgrandaj epizodoj, kiuj tute ne apartenas al la medio de la romano, nek al la firma linio, la plano de la romano. Ne, la vivo ne estas romano. La vivo estas noveloj, skizoj."

Tamen, Rosbach havis la ambicion provi sian rakontan talenton je proza verko pli longspira ol estas la novelo. Lia romano, *Fianĉo de l'sorto* (1977) atestas, ke li estis kapabla ankaŭ pri tiu formo de fikcia prozo. Kvankam tiu romano havas strukturon similan al mozaiko, ĝiaj eroj kune konstruas akcepteblan tutaĵon, kiel ja indas ĉe sukcesa mozaiko. Jam sep jarojn antaŭe Rosbach ja faris similan eksperimenton. Lia novelaro *Disko* (1970) enhavas 18 rakontojn, kiuj havas komunan kadron, aluditan de la titolo, kiu estas tiu de ŝipo, kiu siavice estas nomita laŭ Gronlanda insulo. Tiu ŝipo servas kiel punkto de eliro al la rakontanto en liaj kontaktoj kun diversaj lokoj kaj homoj dise en Eŭropo. Tiu ŝipa kadro tamen ne sufiĉas por kunigi la diversajn epizodojn en tian tutaĵon, kiu meritus la nomon de romano. Tial tiu verko devas esti klasigita inter la novelaroj.

*Daŭrigo sur la sekva paĝo*

Ne eblas komenti pri ĉiuj novelaroj de Johan Hammond Rosbach. Ĝenerale oni povas diri, ke ilin karakterizas flua kaj efika rakontado kaj simpla kaj klara lingvaĵo. Tial ili estas tre taŭga legaĵo por tiuj finintaj bazan studon de Esperanto kaj celas progresigi sian lingvan sperton. Lia lasta libro, *Fajrejo* (skizoj kaj noveloj) aperis en 2002, du jarojn antaŭ la morto de la aŭtoro. Per tiu libro li finis sian 50-jaran seninterrompan verkistan karieron en la Internacia Lingvo. Tia sindediĉo al nia originala literaturo meritas nian respekton kaj neforgeson. Mi ne hezitas diri, ke jam venis tempo agnoski liajn plej bonajn novelojn inter niaj klasikaĵoj.

***PIED-NOTOJ* de *Kubo (paĝo 31)***

*apliki:* uzi ion en la praktiko
*asocio:* grava societo por komuna celo
*aviadilo:* flug-maŝino
*festivalo:* perioda, ordinare internacia serio de prezentoj de iu arto
*foiro:* granda komerca kunveno
*institucio:* publika organizo, fondaĵo
*kano:* kreskaĵo kun alta fortika rekta trunko
*klimato:* tuto de veteraj kondiĉoj en iu regiono
*konferenco:* renkontiĝo de kompetentuloj por pridiskuti gravan aferon
*kontinento:* mond-parto kiel Eŭropo, Azio...
*kontribui:* alporti sian parton al komuna laboro
*revolucio:* subita kaj gravega ŝanĝo en la politika reĝimo de lando
*seminario:* praktika kurso kun diskutoj en grupoj
*solidara:* respondeca pri la agoj de aliaj
*trajno:* vagonaro
*tropiko:* la plej varmega ter-zono

**Per tiu ĉi poemo ni omaĝas al ZAMANHOF, kiu naskiĝis antaŭ 150 jaroj**

*Anja Karkiainen:*

## JUNA AMIKO DE LA HOMARO

Juna knabet', Ludoviko Lazaro
Al la konkludo venis,
ke alilingvan najbaron najbaro
malamis, ĉar lin ne komprenis.
Se ili lingvon komunan scipovus!
pensis la knaba koro.
Ĉu eble mi tie solvon trovus?
Urĝe ek, al laboro!

Longe la knabo penadis fidele
por la vizio brila.
Lingvo kreota ja sonu bele,
kaj estu logika, facila.
Samideanoj hodiaŭ parolas
tiun lingvon komunan
kaj, kiel li, fervore volas
ŝanĝi la mondon nunan.

Kvankam neniel ni tian genion
kiel la knabo havas,
se ni persistas, atingas ni ion,
nia agemo gravas.
Strebu ankaŭ ni same senlace
al lia nobla celo,
ke la homaro vivu pli pace.
Li estu nia modelo!

*genio:* eksterordinara kapablo pri io / *logiko:* ĝusta laŭ penso-reguloj / *modelo:* imitindaĵo / *nobla:* bon-intenca / *persisti:* daŭrigi mal-graŭ malhelpaĵoj / *strebi:* celadi al io / *urĝa:* ne plu prokrastebla / *vizio:* antaŭvido al la estonteco



Jozefo de Jesús Campos Pacheco

# La ĉeflando de Esperantujo en 2010

# Kubo

Kubo estas granda insulo ĉe la Kariba Maro en Ameriko. Kubo troviĝas en la maro sude de Usono, oriente de Meksiko. Ĝi estas granda kiel Bulgario aŭ Gvatemalo. La tuta lando havas tropikan klimaton, do, tie estas varme dum la tuta jaro – neniam neĝas, neniam frostas.

La plej granda parto de la lando konsistas el fruktodona ebenaĵo, kie oni kulturas ĉefe suker-kanon, tabakon, rizon kaj legomojn. La plej alta monto estas en la orienta parto. Ĝi estas 1.974 metrojn alta kaj nomiĝas Pinto Turkino.

En Kubo vivas pli ol 11 milionoj da homoj (kiel en Grekio, Portugalio aŭ Senegalio).

La ĉefurbo de Kubo estas Havano, kun pli ol 2 milionoj da loĝantoj. La plej grandaj urboj estas krome: Santiago de Kubo, Holgin [Holguin], Cienfuegos, Kamaŭej [Camagüey], Matanso [Matanzas], Pinar del Rio, Ciego de Avila, Bajamo [Bayamo] kaj Guantanamo.

Ĉiuj infanoj, ekde la kvina jaraĝo, vizitas lernejon. Dum la ferioj – en julio kaj aŭgusto – ili ludas ofte ĉe la marbordo.

Tre multaj gepatroj estas kuracistoj, flegistoj aŭ instruistoj, ĉar la kuba registaro zorgas ĉefe pri sano kaj edukado, ambaŭ senpagaj por Kubanoj. Tre multaj gepatroj helpas eĉ en aliaj landoj de la mondo, kie ili senpage kuracas kaj instruas homojn. Ili nomas tion internacia solidareco. Por vojaĝi al Kubo aŭ de Kubo, oni devas uzi aviadilon – ne eblas uzi biciklon, aŭtomobilon aŭ trajnon, ĉar la land-limo de Kubo estas ja la maro.

***PIED-NOTOJ** sur la apuda paĝo maldekstre.*

# Kubo kaj Esperanto

Esperanto aperis en Kubo komence de la 20-a jarcento. En la jaro 1959, do sub la novaj kondiĉoj de la Kuba revolucio, la lingvo komencis disvastiĝi tra la tuta lando kun granda sukceso. Poste oni kreis la *Kuban Esperanto-Asocion* (KEA) en 1979, kiu aliĝis al la *Universala Esperanto-Asocio* (UEA) en la jaro 1983. La kunlaboro inter la asocio kaj diversaj registaraj institucioj ebligis gravajn sukcesojn, kiel la eldonon de Esperantaj libroj pere de la eldonejo José Martí, la semajnajn radioelsendojn en Esperanto ĉe *Radio Havano Kubo*, la organizon de la *75-a Universala Kongreso* kaj de la *46-a Internacia Junulara Kongreso* en Kubo, en 1990, kelkajn kultur-festivalojn, seminariojn pri aplikado de Esperanto en scienco kaj teĥniko.




Komence de la jaro 2002, KEA realigis sian 4-an nacian kongreson, en kiu partoprenis kubaj kaj eksterlandaj Esperantistoj. La partopreno de KEA en la *Internacia Libro-Foiro de Havano* ekde ties komenco kontribuis al la disvastiĝo de Esperanto ĉe la kubaj amaskomunikiloj kaj ties publiko.

Komence de la jaro 2002, KEA realigis sian 4-an nacian kongreson, en kiu partoprenis infanoj de preskaŭ la tuta lando. La sekva okazis en Bajamo.

95a Universala Kongreso de Esperanto
Havano, 17–24 julio 2010

KEA organizas regulajn kaj perkorespondajn kursojn de Esperanto. En la nacia sidejo oni organizas seminariojn, laborrondojn kaj konferencojn, en kiuj partoprenas ankaŭ eksterlandaj gastoj.

En la jaro 2004, KEA gastigis la *6-an Tutamerikan Kongreson de Esperanto*, kiu dum semajno akceptis 200 esperantistojn de la kontinento kaj de kelkaj eŭropaj landoj. En marto 2005, KEA organizis sian 5-an nacian kongreson.

★

*En la venonta jaro 2010, Kubo estos denove la ĉeflando de Esperantujo. Kubaj esperantistoj ĝoje kaj amike akceptos vin ĉe la Universala Kongreso en somero 2010, en Havano.*

**TUTMONDA FABELKONKURSO 2009 EN ESPERANTO**

Bedaŭrinde alvenis nur 6 verkoj (el Pollando kaj Rumanio).
De nun oni organizos ĝin nur ĉiun duan jaron.
Ĉi-sube ni prezentas al vi la verkon de pola lernanto *Jakub Lewak*, kies fabelon la ĵurio trovis plej interesa.

# ELEKTRA ADMONO

Antaŭlonge en valo staris belega kastelo. En tiu kastelo loĝis granda reĝo. Li nomiĝis Adamo. Tage kaj nokte en la tuta kastelo brilis ĉiuj lumoj, ĉar la reĝo timis mallumon. En ĉiuj ĉambroj ŝaltitaj estis la televidiloj, kaj en la koridoroj sen paŭzo funkciis radioaparatoj, ĉar la reĝo sentis sin tre soleca.

Tamen ne permesite estis al li vivi trankvile, ĉar iun tagon teruraj robotoj ĉirkaŭis lian kastelon. Ili estis senditoj de reĝo Petro de najbara lando. Kiam la reĝo, kiel ĉiutage, eliris el la kastelo por promeni, kaj ekvidis ilin, li tre timiĝis. Li komencis pensi, kion ili volas de li. Tiam subite li aŭdis laŭtan voĉon: "Reĝo Adamo, ne plaĉas al ni, ke tiel multe da kurento vi eluzas. En nia lando ĉio ĉesas funkcii. Ni estis senditaj ĉi tien por vin admoni kaj kontroli, ĉu vi ĉesos malŝpari energion."

La reĝo gratis al si la kapon kaj diris:



– Sed ja tio ĉi estas al mi ĉiutaga bezonaĵo. Kaj lumo kaj televidilo kaj radioaparato.

– Ni komprenas tion – respondis ili – sed ni venis lernigi vin, kiel utiligi tion saĝe. Tage vi ne bezonas lumon, ĉar brilas la suno. Vi povas ĝin ŝalti je la krepusko, kaj nur en tiu loko, kie vi estas, ne en la tuta kastelo. Kaj post enlitiĝo la lumo ne plu estas al vi bezonata. Oni povas malŝalti ĉiujn lumojn, kaj ŝalti nur etan noktan lampeton.

– Vi pravas – konsentis la reĝo. – Sed kio kun miaj televidilo kaj radioaparato? En mia kastelo estas tiel silente...

– Nenio povas anstataŭi al vi renkontojn kun amikoj. Parolu kun homoj.

Invitu ilin, aranĝu balojn, ekkonu novajn personojn. Ne fermiĝu sola en la kastelo, kaj vi ne enuos.

– Vi pravas – diris la reĝo –, mi devas provi...

– Ni restas ĉi tie, por kontroli vian metamorfozon.

De tiu tempo, profitante de la konsiloj de la senditoj, la reĝo ekagis alie. Li komencis renkontiĝi kun aliaj homoj, parolis kun ili, aranĝis grandiozajn balojn.

En iu el ili la reĝo Adamo konatiĝis kun bela fraŭlino, al kiu li decidis edziĝi, kaj neniam plu li sentis sin soleca.

Petro, la reĝo de la najbara lando, dank' al kiu Adamo tiel ŝanĝiĝis, fariĝis lia plej bona amiko, kaj la robotoj, kiuj ne plu estis bezonataj por kontroli la reĝon, taŭgis por prepari grandan nupton.

*admoni:* severe atentigi / *balo:* plezur-kunveno de dancantoj / *grandioza:* grand-efika / *grati:* froti per ungoj / *kastelo:* fortikigita konstruaĵo / *kontroli:* esplori, ĉu io estas tia, kia ĝi devas esti / *krepusko:* duon-helo / *kurento:* fluo de elektro tra kondukilo / *metamorfozo:* transformiĝo de estaĵo en alian / *nupto:* geedziĝa festo / *roboto:* maŝin-homo / *ŝalti:* ekfluigi elektron tra kondukilo

---

# Pavel Rak jubileas

*Ĉiuj niaj legantoj certe konas la tip-ajn figuretojn de Pavel Rak, kiuj re-gule aperadas en Juna Amiko multajn jarojn.*

*Pavel Rak, kiu ĉi-novembre festis sian 70-jariĝon, studis precizan meĥanikon kaj optikon, tamen jam de juneco dediĉis sin al la desegna arto. Jam 40 jarojn li – laŭ siaj vortoj – „vivigas figuretojn por ĝojigi infanojn“ kaj krom tio li agas kiel humuristo, desegnisto kaj ilustristo. Li ilustris ankaŭ plurajn Esperanto-librojn por la eldonejo KAVA-PECH. Lia ĉefverko: Ilustrita Frazeologio, komuna kun S. Fiedler* (www.kava-pech.cz/esperanto).



Omaĝe de la 70-jariĝo de Pavel Rak estis eldonita kolektaĵo de specimenoj el miloj da liaj desegnaĵoj kun komentarioj en kvar lingvoj: ĉeĥa, Esperanto, angla kaj germana sub la titolo *Desegnita humuro* (KAVA-PECH). *Vd.p.52*

*Petro Chrdle*

# humuro

de Pavel Rak laŭ Desegnita humuro












Mi jam vidas! La sesa dento, maldekstre, supre!

*cedi:* ne plu rezisti / *omaĝe:* kun respekto al iu / *tipa:* tre karakteriza

# Tajnoj Prauloj de Kubano




Antaŭ pli ol 500 jaroj, kiam la hispanoj venis al Kubo, tajnoj vivis tie. Iliaj domoj estis konstruitaj el krudaj arbo-trunkoj kun tegmentoj el folioj de palmoj. Ekzistis kvar diversaj specoj de domoj: *barbakoo* estis domo en akvo, konstruita sur palisoj; *bahareko* estis domo, kies tegmento iris ĝis la planko; *kanejo* estis granda ronda domo, en kiu loĝis pluraj familioj, kaj *bohio* estis rekt-angula domo por unu familio, simila al tio, kion kamparanoj ankaŭ hodiaŭ havas en kelkaj regionoj kaj kion ili ankaŭ nuntempe nomas bohio.

La viroj ĉasis anasojn en lagetoj. Por tio ili metis kavigitan duon-globon el la frukto guiro sur sian kapon, kaj kiam la birdo flugis sur la guiron, ili kaptis ĝin.

Ili ĉasis ankaŭ ĥution, kiu estas besto kvazaŭ grandega rato, kiu loĝas en arbo; ĝia viando estas tre bongusta. Ankaŭ igvanojn. De tempo al tempo ili veturis ankaŭ sur la maro per siaj trunk-boatoj faritaj el arbotrunko kaj kiujn oni nomas ankaŭ kanuoj. Ili uzis diversajn manierojn fiŝ-kapti. Unu el ili estis: ĵeti el la kanuo glu-fiŝon ligitan al ŝnuro, kaj tiu glufiŝo algluiĝis al aliaj fiŝoj aŭ testudetoj, kiujn la kaptisto eltiris per la ŝnuro. Ili uzis ankaŭ fiŝhokojn kaj retojn. Alia maniero estis naĝi por akiri bukcenojn (grandaj helikoj) kaj krabojn.

La virinoj ŝpinis kotonon kaj el la fadenoj nodis retojn por fiŝkapti. Oni uzis ilin ankaŭ por fari por si jupeton, tiel nomatan "nagŭa". El jukao oni preparis pan-similan manĝaĵon, tiel nomatan "kasabe". Ĉiuj homoj kultivis teron. Per instrumento nomata "koa" ili faris truojn en la tero, en kiujn ili metis semojn. Ili rikoltis maizon, ter-pomojn, fazeolojn.

Kiam ili estis tre laboremaj, ili faris sidilojn el ligno, terakotajn vazojn kaj ostajn ornamaĵojn. Dum festotagoj ili dancis en rondo kaj kantis tiel nomatan "areito", gvidate de instruisto, kiun ili nomis "tekina". La dancado estis akompanata de ligna tamburo nomata "majohŭakan". Ĉiuj ludis ankaŭ bat-pilkon per pilko farita el rezino.



Dum la ritaj dancoj la tajnoj uzis kiel tamburon kavigitan trunkon, kiun ili nomis majohŭakan. Tiu trunko estis fermita ambaŭflanke, kaj supre estis truo en formo de H. Per bastonetoj Ili frapis la ritmon, laŭ kiu oni kantis kaj dancis.

La tajnoj faris tre variajn ceramikajn kaserolojn, de etaj ĝis grandaj, de simplaj ĝis bele ornamitaj, ekzemple, per figuroj de besto-kapoj en la teniloj. Oni malmoligis ilin per fajro.

La tajnoj komunikis tra longaj distancoj per la karapaco de grandaj helikoj nomataj bukcenoj. La bukcenoj interne havas rozkoloran kaj brilan surfacon. La tajnoj elprenis kaj manĝis la internon de la bukcenoj kaj poste tranĉis la eksteran pinton kaj tiel ricevis blov-instrumenton, kies sono aŭdiĝis ĝis granda distanco.

Kiam la hispanaj konkerantoj venis al Kubo, ili en mallonga tempo ekstermis la tutan tajnan popolon. Tion oni nomas gento-murdo aŭ genocido.

*Jozefo de J.Campos Pacheco*

*anaso*: akvo-birdo kun egallarga beko / *boato*: akvo-veturileto por 1-2 personoj / *guiro*: vidu la fruktojn de dua bildo / *heliko*: mol-korpa besteto, kiu kunportas sian domon / *hoko*: kurbigita pinta metal-peceto / *hutio*: vidu la beston sur la branĉo / *igvano*: long-vosta rano / *paliso*: forta ligna stango / *ŝpi-ni*: fadenigi lanon, kotonon / *testudo*: kiras-besteto rampanta.

Árpád Rátkai

# Bildoj el la historio de ESPERANTO

## XI. Bunta movado en lingva unueco

Grupo de lingvo-reformemuloj jam en 1907 eksiĝis el la Esperanto-movado kaj iniciatis la Ido-movadon. Inter la idistoj plu daŭris la batalo pri lingvaj refomoj, kaj eksidistoj fondis novajn movadetojn por Occidental kaj aliaj lingvo-projektoj.

Por konservi kaj protekti Esperanton jam en 1905 estiĝis Lingva Komitato, el kiu en 1948 formiĝis *Akademio de Esperanto*. Tiu korporacio tra jarcento sukcese plenumis sian taskon kaj kontrolis la evoluon de la Internacia Lingvo. Kvankam pluraj lingvistoj aŭguris disfalon aŭ almenaŭ disdialektiĝon de Esperanto, tio ne okazis, kaj la lingvo daŭre floras.

Ekde 1887 ekzistas kaj maturiĝas ankaŭ Esperanta beletro – kaj originala, kaj tradukita. Kvankam ankaŭ en aliaj planlingvaj projektoj oni provis krei beletron, tiuj ĝermoj apenaŭ estis pli grandaj ol la Esperanta en 1887, kaj ili ne povis disvolviĝi. Male, en Esperantio ekde 1896 ekzistas beletraj konkursoj, kaj en 1984 fondiĝis *Esperantlingva Verkista Asocio* (EVA), kiu en 2008 transformiĝis al *Akademio Literatura de Esperanto*.

Nia internacia movado nur lingve estas tiel unueca. Laŭ sia interna organiziteco la movado iĝis multe pli bunta. Eĉ, la plimulto de la Esperanta parolantaro restis ekster la organizaĵoj.

Se ni ekzamenas nur la organizitajn esperantistojn, ilia plej grava organizaĵo ĉiam estis *Universala Esperanto-Asocio* (UEA) fondita en 1909. Dum jarcento ĝi restis neŭtrala internacia E-organizaĵo. En la komenca periodo ĝi konsistis nur el individuaj membroj, el inter kiuj varbiĝis la tiel nomata delegita reto, ekzistanta ĝis hodiaŭ. Dum provizora organiza disduiĝo (1936 -1947) UEA trovis sian definitivan organizan sistemon, kiu konsistas el krom individuaj membroj, ankaŭ el landaj kaj fakaj societoj. Tiuj lastaj formiĝis laŭ profesiaj, hobiaj, religiaj aŭ aliaj kriterioj. Kelkaj el la landaj kaj fakaj societoj ne membriĝis en UEA, sed kunlaboras kun ĝi. Ekzistas ankaŭ Esperanto-organizaĵoj, kiuj tute ne kunlaboras. Ili funkcias paralele aŭ havas aliajn koncepton, pricipojn kaj praktikon en kaj pri Esperantio.

La pozicion de UEA en la movado fortikigas ankaŭ la fakto, ke ĝi estas organizanto de *Universalaj Kongresoj* (UK), internaciaj manifestacioj de la

Centra Oficejo de UEA en Roterdamo



esperantistaro, ĉiujare en malsamaj landoj, kun riĉa programo. Ekzemple, en la jaro 2010 la 95a UK okazos en Kubo.

La internaj rilatoj de UEA tamen ne estas tiel simplaj kiel la facile travidebla, sukcesa organiza strukturo, ja pluraj individuoj estas membroj de diversaj societoj. Tiu interkovriĝo estas sufiĉe memkomprenebla kun la junulara organizo de UEA. En 1938 fondiĝis *Tutmonda Junular-Organizo* (TJO), kiu en 1952 ŝanĝis sian nomon al *Tutmonda Esperantista Junulara Organizo* (TEJO), kaj kvar jarojn poste integriĝis al UEA kiel ties junulara sekcio. TEJO-membro povas esti nur malpli ol 30-jara esperantisto kaj la organizaĵo havas strukturon similan al tiu de UEA, konistantan el delegita reto kaj landaj asocioj.

El la supraj faktoj sekvas, ke ekde sia fondiĝo entute UEA, kaj *nur UEA* kapablas pleje reprezenti la Esperanto-movadon en la mondo, en la internacia sistemo de Unuiĝintaj Nacioj.

---

*Otokar Batlička*

# ORA RINGO

Tio, kion mi nun rakontos al vi, okazis post la morto de riĉa komercisto Lavar en Marsejlo, kiam liaj filoj Martin kaj Simon dividis lian postlasaĵon. La pli aĝa Simon transprenis la firmaon, la pli juna ricevis sian parton en mono. La divido okazis precize kaj juste – nur unu objekton ne eblis dividi. Tio estis ora ringo.

La ringo estis unika laboraĵo, plej verŝajne de iu araba oraĵisto. Ĝi konsistis el du krucumitaj glavoj, kies klingoj formis la ringon. La teniloj, ornamitaj per smeraldoj, formis la supran parton de la ringo. Eble ĝi estis amuleto aŭ simbolo de iu araba ŝejko. La filoj ne sciis, kiamaniere la patro akiris la ringon.

„Prenu vi la ringon, Martin, por ke ĝi alportu feliĉon al vi. Mi estas kontenta pri tio, kion mi ricevis el la postlasaĵo de la patro", decidis finfine la pli aĝa filo.

Tiel Martin Levar fariĝis posedanto de tiu ĉi neordinara juvelo. La tempo pasis. La komerca entrepreno de Simon Levar bonege floris. Alie estis ĉe Martin.

Juna viro, el kiu la heredaĵo faris riĉulon, ne sci-povis bone uzi la riĉaĵon. Vico da dubindaj amikoj, flatuloj kaj malbonaj konsilantoj kaŭzis, ke post ne longa tempo Martin restis sen mono. Kelkfoje Simon helpis al li, sed Martin falis ĉiam pli kaj pli profunden. Iu-tage Simon ricevis leteron:

Kara frato! Mi jam ne plu volas ĝeni vin. Mi hontas kaj volas ĉion rebonigi. Mi forveturos en la mondon. Tie mi volas labori kaj mi ne revenos pli frue ol mi estos akirinta almenaŭ tiom, kiom la patro postlasis al mi, kaj kion li akiris per peza laboro. Mi akceptis laboron sur la ŝipo Kongo, kiu certe jam estos ĉe la bordo de Afriko, kiam vi ricevos tiun ĉi leteron. Ĝis revido tiam, kiam mi estos tia, kia Levar devas esti. Martin.



Simon Levar pri sia frato pli ne aŭdis.

Forpasis longaj dudek jaroj. Simon ofte serĉis sian fraton, sed ŝajnis, ke la tero forglutis lin.

En iu tago venis en la oficejon de la firmao de Levar maljuna viro en uniformo de oficisto de komerca mar-ŝiparo. Li aĉetis por sia ŝipo kelkajn bezonaĵojn. Simon Levar, jam griz-hara viro, petis la oficiron subskribi la negocan kontrakton. La oficiro per peza mano ekprenis la prezentitan plumon kaj subskribis ĝin. Jen Simon ekrigardis la manon de la maljuna maristo...

„Pro Dio, sinjoro! De kie vi havas tiun ĉi ringon? Permesu al mi rigardi ĝin de pli proksime! Ne, mi ne eraras! Estas tiu! Ne ekzistas alia tia en la mondo!"

La oficiro volonte deprenas la ringon kaj donas ĝin al Simon. „Ĉu tiu ĉi ringo? Mi aĉetis ĝin antaŭ kvar aŭ kvin jaroj en Kairo, de posedanto de iu greka kafejo. Kio estas eksterordinara pri ĝi?"

Levar volonte rakontas, de kie li konas la ringon kaj ke tiu familia valoraĵo estis posedaĵo de lia malaperinta frato.

La oficiro aŭskultas kun intereso. „Sinjoro Levar, se estas tiel, mi vendos al vi la ringon kontraŭ la prezo, kiun mi mem pagis por ĝi. Mi ne havas intereson pri ĝi, se ĝi estas via familia memoraĵo!"

Ili rapide interkonsentis pri la prezo kaj Simon Levar petis ankoraŭ la adreson de la greka posedanto de la kafejo en Kairo. Li decidis serĉi sian fraton per la helpo de la ringo. Li pensis, ke ĉiu, kiu havis kontakton kun li certe memoras la eksterordinaran ringon. Tial Simon, post dudek jaroj, komencis sekvi la spurojn de sia frato. En Kairo la greka kafej-posedanto bone memoris kiel li akiris la ringon. Li aĉetis ĝin de serĝento de Fremdula Legio, kiu venis el Marakeŝo. Simon Levar serĉis, kiu regimento estis en Marakeŝo antaŭ ses jaroj.

Ĉe la estraro de la regimento li eksciis la nomon de la serĝento Fred Durment. Temas pri usonano, kiu jam forlasis la Legion kaj reveturis al sia hejmlando. Por ne perdi eĉ unu tagon Simon serĉis ŝipon por veturi al Usono. Post du semajnoj kun batanta koro Simon Levar staras antaŭ pordo, sur kiu troviĝas ŝild-

eto kun la nomo Fred Durmet.

La maljunulo ege miris pro la vizito kaj rakonto de Simon Levar. Volonte li informis, ke la ringon li aĉetis en publika aŭkcio en Ĉikago antaŭ la forveturo al Afriko. Li memoris ankaŭ pri tio, en kiu jaro kaj ĉe kiu aŭkciejo tio okazis. Simon serĉis ĝin kaj post longa serĉado en malnovaj dokumentoj li eksciis jenon: Ora ringo en formo de du kruciĝintaj glavoj, pezo 26 gramoj, ornamita per smeraldoj, ricevita la 6-an de julio 1912, prezo 160 dolaroj, de Lucie Levar, vendita en aŭkcio la 3-an de oktobro 1913.



Lucia Levar! Simon iras al la urba oficejo kaj la oficisto baldaŭ trovis en la sliparo jenan informon. „Lucia Levar, vidvino, mortis la 21-an de novembro 1912. Jen ankoraŭ rimarko: Martin Levar, nuntempe en milit-lernejo, Ĉikago."

Venontan tagon Simon Levar rapidas al la milit-akademio. Li informas la lernejestron pri la kaŭzo de sia vizito. La majoro atente aŭskultas la rakonton.

„Jes, sinjoro Levar, en nia lernejo estas junulo kun la nomo Martin Levar, sed li estas nur 17-jara, sed via frato hodiaŭ jam devus esti almenaŭ 50-jara! Eble estas nur simileco de la nomoj. Sed mi povas rigardi la personan liston de Martin Levar. Li estas nia plej bona lernanto. Jen estas: Martin Levar, naskita en Ĉikago, filo de Lucia kaj Martin Levar, kiuj jam ambaŭ mortis. Sinjoro Levar, la afero estas klara. Nia studento Martin Levar estas filo de via forpasinta frato!"

En la oficejo de majoro Anderson atento-staras kadeto Martin Levar. Simon Levar ege kortuŝita alpaŝas al la junulo: Ĉu vi iam jam vidis tiun ĉi ringon?"

La juna viro rigardas la ringon kaj per klara voĉo respondas: „Jes, mi rememoras pri tiu ĉi ringo. Ĝi restis kiel sola postlasaĵo de mia patro. Mia patrino devis ĝin vendi, por ke mi povu studi. Mi ne scias, kio poste okazis al la ringo."

Kaj kio sekvis? Feliĉa renkontiĝo de onklo kun nevo. Kaj la fino! En Marsejo ekzistas unu el la plej malnovaj ŝipofaraj firmaoj kun la nomo: Simon Levar kaj nevo.

Tradukis kaj adaptis por JA: *Dieter Berndt, Germanio*

---

*amuleto:* objekto, kiu protektas la portanton kontraŭ danĝero / *aŭkcio:* vendado de objektoj al tiuj, kiuj proponas plej multe / *firmao:* komerca entrepreno / *Fremdula Legio:* soldataro de la Franca armeo / *glavo:* man-batalilo kun longa klingo / *heredi:* laŭ-leĝe ricevi propraĵon post mortinto / *juvelo:* valora ornamaĵo / *kontrakto:* interkonsento inter du aŭ pli da personoj / *majoro:* alt-ranga soldata titolo / *regimento:* parto de de armeo / *serĝento:* ne alt-ranga soldata titolo / *smeraldo:* valora ŝtono / *ŝejko:* araba titolo.

# Efikoj de polusa nokto

Ĉe la plej norda finna urbeto Utsjoki nokto daŭras 51 diurnojn vintre. Ĉe la norda poluso ĝi komenciĝas la 24an de septembro kaj finiĝas la 19an de marto. En Lestijärvi, kie mi loĝas (340 kilometrojn sude de la arkta cirklo), la 25an de decembro la suno leviĝas je la 10a kaj duono kaj subiras je la 15a kaj kvarono. La mallumo efikas homojn en nordaj landoj: Skandinavio, norda Rusio, Islando, Grenlando, Kanado, Finnlando. La daŭro de la senluma sezono dependas de latitudoj. Ĉe la arkta cirklo ( 67,1 gradoj de norda latitudo) senluma nokto okazas inter la 20a kaj 22a de decembro, sed la manko de lumo vintre karakterizas vivon eĉ preskaŭ mil kilometrojn pli sude. Rekompence oni somere ĝuas blankajn noktojn, senfinan taglumon, kiam la suno ne subiras.


Tagmezo en norda Finnlando

En Finnlando 10-20 elcentoj de la loĝantaro, precipe virinoj, suferas pro deprimo kaŭzita de lumomanko. Kvardek elcentoj suferas de vintra laceco. Ties simptomoj estas dormemo, manĝemo, plidikiĝo, malgajeco, malvigleco. Lumomanko influas la hormon-produktadon, kion sciencistoj ankoraŭ ne povas plene klarigi. Manko de lumo antaŭe en Nordio malrapidigis kreskon kaj seksan maturiĝon de infanoj. Nuntempe la abunda elektra lumo jam kontraŭe efikas. Kontraŭ vintra deprimo kaj laceco oni uzas lumon de 2500-5000 luksoj. Sufiĉas duonhora aŭ hora restado en tia lumego matene. Tial kelkaj homoj havas specialan lumigilon ĉe la manĝotablo. Ĉe haltejoj de tramoj kaj busoj kelkloke brilas 3500-luksaj paneloj, ĉe kiuj homoj baniĝas en lumo. Tio helpas, kiam la lerneja tago komenciĝas kaj finiĝas en mallumo. Ne malmultaj finnoj vojaĝas al sunaj sudaj landoj por tie "reŝargi siajn bateriojn".

Polusa nokto tamen ne estas peĉe nigra. Iom da lumo reflektiĝas el sub la horizonto, brilas la steloj kaj luno. Regas mistera krepusko, jen blua, jen griza. Ĉian lumon reflektas neĝo. Malofte sed tamen aperas norda lumo, aŭroro boreala, kiu fulmrapide sendas tra la ĉielo verdajn, flavajn, violajn kaj ruĝajn flamojn.

Por pligajigi la mallumon fine de novembro homoj elŝrankigas elektrajn kandelarojn kaj lumeto-ĉenojn kaj metas ilin *ĉe fenestroj, sur arbojn kaj balkonojn.* La lumoj prefere estu senkoloraj, ne blinkantaj. Okazas specialaj lumosemajnoj en urbegoj. Hejmojn oni beligas per florantaj plantoj , buntaj kurtenoj kaj tablotukoj. Tre ŝatata estas la ruĝa koloro. Ĝin oni ne trovas en vintra naturo, escepte sur brusto de pirulo. Antaŭ ol falas la unua neĝo, oni elarbarigas verdaĵojn, kaj novembre ekplektas gir-landojn kaj kronojn por pordoj kaj ba-lustradoj. Ĉio kulminas la 24an dec-embro, kiam komenciĝas festa sezono daŭranta ĝis la 6a aŭ 13a de januaro. Honoran lokon ĉie okupas vera aŭ ar-tefarita festoarbo brile kaj bunte orna-mita, ĉiam kun stelo ĉe la pinto. La pub-lika jul-arbo de urbo povas alti dekojn da metroj. Okazas festetoj "juleto" – en restoracioj, oficejoj, lernoĉambroj aŭ aliaj publikaj ejoj –, kie oni bone


Brilanta panelo en bushaltejo

manĝas, drinketas, dancas, babilas kun geamikoj aŭ gekolegoj. Tiel oni provas pasigi la malluman sezonon plej eble gaje kaj amuze, evitante la malbonajn efikojn de polusa nokto.

*Saliko*

***Julo:*** *mez-vintra festo skandinava kaj finna, 24-26 decembro*

***Jul-avo:*** *la finna mez-vintra donac-portanto.*


Píruloj

*arkta:* nord-polusa / *aŭroro:* matena duon-lumo / *balustrado:* barilo por eviti defalon / *baterio:* elektro-dona pilo / *blinki:* alterne lumi kaj mallumi / *boreala:* arkta, nord-regiona / *deprimo:* psika malvigleco / *diurno:* plena tago (24 horoj) / *girlando:* kunplektaĵo el floroj kaj folioj en formo de kurba ĉeno / *krepusko:* duon-lumo antaŭ sun-leviĝo aŭ post sun-subiro / *kolego:* laborkunulo / *kro-no:* cirkla ornamo / *kulmini:* esti ĉe la plej alta grado, pozicio / *latitudoj:* cirkloj paralelaj al la ekvatoro (meza inter la norda kaj suda polusoj) / *lukso:* unuo de lumiga forto / *mistero:* neklarig-ebla sekreta afero / *panelo:* kadrita plataĵo / *pe-ĉo:* nigra glueca materio / *pirulo:* bela birdeto, vidu la ĉi-supran foton.

**Ĉu vi scias, kio estas homonimo? Homonimo estas vorto, kiu havas du tute malsamajn sencojn. Ĉiu lingvo, ankaŭ la plej logika Esperanto, havas homonimojn. Por ilustri la konstaton mi mencias, ekzemple, la vorton: baleto. Aŭdante ĝin verŝajne ĉiu tuj pensas pri speciala danc-arto. Sed en nia lingvo ĝi povas havi ankaŭ alian sencon, ĉu ne, nome malgrandan balon, ĉar *-et* estas sufikso, kiu malgrandigas.**

**Ĉi-sube ni prezentas al vi kelkajn „humurajn miskomprenojn" pro homonimoj.**

**kolego** – *Joĉjo havas tri kolegojn. – Ĉu unu ne sufiĉas? Mi estas kontenta pri unu simpla kolo. (kol-ego)*

**papago** – *Dio kreis homon, kaj per sia krea agado papo sukcesis estigi papagon. (pap-ago)*

**papero** – *Mi aŭdis, ke vi kolektas raraĵojn. Jen ganto, kiun perdis la papo. Ĉu vi aĉetos ĝin? – Fakte, mi kolektas raraĵojn, sed paperon ne. (pap-ero)*

**okuloj** – *Prezentu al vi, Manjo diras, ke por ok uloj, malbone vidantaj, sufiĉas du okul-vitroj. Ĉu ni devas tiom ŝpari pro la ekonomia krizo? (ok-uloj)*

**citrono** – *Paĉjo, helpu min. Mi deziras muzikilon, citron. Nun mi havas unu citronon. Diru al mi, kiom da citronoj rezultigas citron. (citr-ono)*

**kulero** – *Ho, Peĉjo! Mi sukcesis kapti kulon. Jen vidu, mi deŝiras ĝian flugilon, donas ĝin al vi, kaj nun vi havas kuleron, per kiu vi povos manĝi. (kul-ero)*

**kataro** – *Mia edzino delonge havas kataron. – Ĉu la kuracisto ne povas helpi? – Ne, li estas tute senpova. Ŝi ne estas kuracebla. (kat-aro)*

**vitrino** – *Ne ekzistas vera egaleco. Vitrinon oni povas aĉeti, sed vir-vitron ne. (vitr-ino)*

**investo** – *Ĉu denove investo? Ni ĉiam perdas per viaj investoj. Ĉu ne provi, almenaŭ unufoje, vir-veston? (in-vesto)*

**kukurbo** – *Ĉu vi dezirus vivi en kukurbo? Tie vi ĉiam povus manĝi kukon, ĉu ne? (kuk-urbo)*

**romano** – *Laŭ statistikoj en Romo troviĝas plej multaj romanoj. (Rom-ano)*

**pistolo** – *Tuj post naskiĝo mi ekhavis pistolon. (pis-tolo)*

***SOLVOJ** de Testo (paĝo 49)*

1. 6a / 2. kiam / 3. hejmen / 4. kun / 5. Prezentu / 6. al / 7. premion / 8. Brave / 9. Gratulon / 10. Aldone / 11. Dankegon / 12. brakumis / 13. sian / 14. edzineton / 15. Venante / 16. pensis / 17. bone / 18. per/el / 19. Kion / 20. kiu / 21. kie / 22. ferii / 23. ĉe / 24. en / 25. por/al / 26. egale / 27. elekti / 28. pli / 29. sperta / 30. iomete / 31. pripensos / 32. bone / 33. vojaĝi / 34. al / 35. belvidejo / 36. ĉirkaŭaĵo / 37. kun / 38. kilometrojn / 39. gastejo / 40. Akceptite.

# LINGVA DOKTORO

## *Participoj*

Multaj opinias, ke participoj estas la plej malfacila parto de nia gramatiko. Miaopinie, ĝuste per la participoj oni povas prezenti la grandiozecon, simplecon kaj logikecon de nia lingvo.

Ĉu krom Esperanto ekzistas lingvo, en kiu neniu el la ses participoj mankas? Mi mem ne konas tian lingvon.

Participo estas a-vorto (adjektivo), farita el i-vorto (verbo), konservante ties proprecon, nome, ĝi povas esprimi as-, is-, os-tempojn (prezenco, preterito, futuro). Krom tio, participoj havas aktivan kaj pasivan formojn. Aktivajn oni povas formi el ĉiu verbo, pasivajn nur el la transitivaj (verboj, kiuj povas havi rektan objekton).

**Aktivaj participoj** esprimas: **io / iu, <u>kiu</u> ...-as/-is/-os**. Ekzemplo: *mortanta hundo* (= hundo, kiu nun mortas/mortadas); *mortinta hundo* (= hundo, kiu mortis); *mortonta hundo* (= hundo, kiu baldaŭ mortos).

**Pasivaj participoj** esprimas: **io / iu, <u>kiun</u> iu / io ...-as/-is/-os**. La verbo *morti* estanta netransitiva verbo (*morti ion* aŭ *iun* estas sensencaĵo) ne havas pasivan participon, sed el *morti* oni povas fari transitivan verbon per sufikso *-ig*: *mortigi*, kaj ĝi jam havas kaj aktivajn kaj pasivajn participojn. Vi mem klarigu, kion signifas: *mortiganta, mortiginta, mortigonta hundo.*

Pasivaj ekzemploj: *mortigata hundo* (= hundo, kiun iu nun mortigas); *mortigita hundo* (= hundo, kiun iu mortigis); *mortigota hundo* (= hundo, kiun iu baldaŭ mortigos). *Ata*-formo povas esprimi ne nur daŭron, sed ankaŭ ripetadon (ĉe verboj sen daŭro kiel ekz.: *fermi, bati, kapti* k.a.), ekzemple sur la pordo de vendejo povas esti jena surskribo: *fermata je la 19a* (= vendejo, kiun ĉiu-tage oni fermas je la 19a). *„Esperanto" eldon**ata** ĉiu-monate escepte de aŭgusto* (ripete). *La Unua Libro de Esperanto, eldon**ita** en 1887, aperis en la rusa lingvo* (unu-foje).

Participoj kun o-finaĵo montras iun, kiu plenumas la agon aŭ staton de la vortradiko (plej ofte ne profesie): *lernanto, instruanto* (ne profesia; diplomita instruanto estas *instruisto*), *legantoj, loĝantoj, biciklanto* (*biciklisto* estas sportisto),

*Daŭrigo sur la sekva paĝo*



# Silk-simio

Silksimioj estas loĝantoj de pluv-arbaroj en Sud-Ameriko. Iliaj manĝaĵoj estas ĉefe fruktoj, floroj, bestetoj, suko de arboj. La grupoj – po 12-13 anoj – konsistas el vir-bestoj, inoj kaj iliaj idoj. Silksimiino naskas sian idon post 148-taga gravedeco, ofte ĝemelojn. Ili estas tre zorgemaj gepatroj, ambaŭ aktive partoprenas en la priservado de la idoj. Ankaŭ la patro volonte portas kaj purigas la etulojn, pro tio mal-spertuloj ne povas ĉiam diveni, kiu el la gepatroj estas la patrino.

*Katalin Perczel-Szabó*

**Se vi respektas la naturon, sen kiu ni ne povas vivi, ne forgesu preni forĵetitan**

**RUBAĴETON ĈIU-TAGE !**

*spektantoj, mortanto, mortinto, pendumito, murdito, venkinto, venkito, milit-kaptito, novnaskito, naskoto, Savonto, manĝontoj* (staras en vico antaŭ bufedo).

Pri la vortordo nur tiom: Kiam la participo havas adjekton el pluraj vortoj, oni metu ĝin post la vorto, kiun ĝi koncernas. Ekzemple: *alte flugantaj birdoj*, sed *birdoj flugantaj en alteco de cent-ducent metroj*; *diligente lernantaj geknaboj*, sed *geknaboj lernantaj kun granda ambicio kaj entuziasmo.*

Por kelkaj nacioj iom malfacila estas la uzado de kompleksaj verboformoj. Pri ili ni parolos en alia numero de nia revuo.

*Geza Kurucz*

# VERDA PAĜO

Neniu miskomprenu la titolon. Pedagogia valoro de Esperanto ne signifas, ke ĝi celas nur pedagogojn. Ne, ĝi celas ĉiujn, kiuj lernas Esperanton kaj deziras prijuĝi ties avantaĝojn. Ĉu estas utile alproprigi ĝin?

❶ La naciaj lingvoj malfermas pordon al unu popolo kaj ties kulturo, Esperanto malfermas pordon al ĉiuj, sekve per Esperanto oni povas rekte konatiĝi kun diverslingvaj alilandanoj. Tiel akiritaj informoj certe estos pli ĝustaj kaj kredindaj. Krome – kaj tio ege gravas –, oni facile rimarkas, ke la homaro juĝas laŭ tre similaj kriterioj.

❷ Kiam homo, kiu dum longaj jaroj lernis iun nacian lingvon, komunikiĝas kun homo, kiu parolas ĝin kiel gepatran lingvon, la konversacio malofte okazas sur egalrajta bazo kaj plej ofte suferas ĝuste tiu, kiu dediĉis el sia vivo multe da tempo por lerni la koncernan lingvon, dum la alia, ĝuas privilegion, eĉ superecon. Tio estas ofte hontiga kaj certe hontinda situacio nepre forigenda, se ni strebas al vera egalrajteco.

❸ Esperanto estas multe pli facila ol iu ajn el la naciaj lingvoj. Se per malpli da energio oni povas veni al pli granda sukceso, neniu hezitas, kiun elekti. Kaj tre gravas: Ĉi tiun energion devas enmeti ambaŭ personoj. Tio donas la senton de vera egalrajteco.

❹ Esperanto estas verŝajne la plej logika lingvo el ĉiuj, ĉar ĝia gramatiko ne havas esceptojn. Ĝuste tio faras ĝin facila. Multaj homoj per Esperanto pli bone komprenas la bazajn strukturojn de la lingvoj ĝenerale kaj poste multe pli facile lernas aliajn naciajn lingvojn. Eksperimentoj pruvas, ke la tempo dediĉita al la alproprigo de Esperanto ne estas vana tempoperdo, ĉar la lerninto de Internacia Lingvo duoble profitas ĉe alproprigado de aliaj lingvoj.

❺ Fine, sed ne laste, mi volas mencii la plej valoran proprecon de la Internacia Lingvo. Per ĝi la uzanto kvazaŭ subkonscie edukiĝas al komprenemo, toleremo, paco kaj demokratieco. Kaj tio estas la plej granda valoro de nia moderna mondo.

# KVIZO-LUDO

**Prizorganto de la rubriko: *Dieter Berndt*, Germanio**

*Karaj kvizemuloj,*

*jen ni prezentas al vi la taskojn por la tria ĉi-jara kvizo. Vi ja certe jam konstatis, ke la septembra numero aperis kun granda malfruiĝo. Tial ni proponas al vi sendi la respondojn de la septembra numero kune kun tiuj de la decembra. Do, vi havos duoblan laboron, sed eble ankaŭ duoblan plezuron. Mi atendas viajn respondojn. Amike salutas kaj bondeziras via*

*Dieter Berndt.*

**N-ro 3** (Limdato: 01-03-2010)

| | |
|---|---|
| 1 | Skribu frazojn kun jenaj vortoj: *en arbaro / en arbaron ; en fenestro / en fenestron* |
| 2 | Korektu la erarojn! *Li amis ŝin por ŝia beleco. Nur kelke da homo sidas en la ĉambro. En mia honoro mi diras.* (Maria Molnár, HU) |
| 3 | Skribu du frazojn, en kiuj estu vortoj kaj kun *-an* kaj kun *-ist*. |
| 4 | Aldonu la necesajn tabelvortojn. – __ *estas* __ *sinjoro? Preskaŭ* __ *homoj salutas lin, sed* __ *konas lin. Mi konas* __ *en* __ *strato.* |
| 5 | Nomu po tri bestojn, kiuj vivas en jenaj kontinentoj: Aŭstralio, Afriko, Suda Ameriko (Monika Pícková, CZ) |
| 6 | Ŝerca demando: *Kiu havas dentojn kaj ne povas mordi?* |
| 7 | Daŭrigu ĉiun frazon per almenaŭ kvin vortoj. *En nia urbo .... Hieraŭ mi vizitis .... Kun mia amiko ....* |
| 8 | Kun ***p*** ĝi estas ĉe rivero; kun ***m*** ĝi altas super tero. |
| 9 | Kiu vorto ne apartenas al la tri aliaj kaj kial? *iri, kuŝi, sidi, stari*<br>*kisi, manĝi, trinki, vidi*<br>*abio, betulo, kverko, tilio* |
| 10 | Faru vi mem demandon, kiu povos aperi en iu sekva numero. Ne forgesu skribi vian nomon kaj landon! |

La solvojn sendu rete aŭ papere al s-ro *Dieter Berndt* (*esperanto-berndt@web.de*) / Berolinastr. 2, DE-10178 Berlina, Germanio). Por vidi viajn poentojn vizitu la hejmpaĝon: *www.junaamiko.inf.hu*

# Testo

*Ĉi-sube vi trovas simplan tekston kun multaj interrompoj. Atentu pri la enhavo de la rakonto kaj kompletigu la vortojn, frazojn.*

Estis la 6__(1) vespere, ki__(2) Mario venis hejm__(3) ___(4) granda ĝojo.

– Prezent__(5) ___(6) vi, karega mia, hodiaŭ mi ricevis kiel premi__(7) plusan monatan salajron.

– Brav__(8)! Gratul__(9)!!! Aldon__(10) akceptu mian kiseton! – diris Maria, la edzino.

– Dankeg__(11)! Tiu ĉi kiso egalas alian premion! – brak__(12)is Mario sia__(13) edzinet__(14) –, kaj poste li aldonis: – Ven__(15) hejmen mi pens__(16), ke estus bon__(17) ferii ie ___(18) la ricevita mono. Ki__(19) vi opinias?

Maria, ki__(20) ŝategas ekskursi tuj konsentis:

– Bonega ideo! Kaj ki__(21) vi dezirus feri__(22)?

– Eble ___(23) la franca marbordo aŭ ___(24) iu montaro, ___(25) mi estas egal__(26). Mi donas al vi la rajton elekt__(27). Ja vi estas ___(28) spert__(29) pri tio.

La propono de la edzo plaĉis al Maria:

– Atendu iom__(30), mi __(31)pensos la aferon. Ho jen, jam venis al mi ideo. Estus bon__(32) vojaĝ__(33) ___(34) la belvid__(35) de la montaro Ripozo. Ĝia __(36)aĵo estas tre bela ___(37) multaj interesaĵoj, kaj ankaŭ la marbordo estas, se mi bone memoras, tri kilometr__(38) proksima al turisma gast__(39).

– Akcept__(40). Restis nesolvita unu demando: kiam ni vojaĝos. Pri tio ni decidos morgaŭ.

*Komparu viajn solvojn kun tiuj sur paĝo 44. Se vi atingis pli ol 32 poentojn, vi povos vojaĝi ne nur al la marbordo, sed ankaŭ al lingvoekzameno. Gratulon!*

Solvoj sur paĝo 44

# Malbona elekto

*Kossi S.Woudji, Togolando/Senegalo*

El „Kontakto", n-ro 231 (2009/3)

Dio kreis Afrikon kaj la ceterajn mond-partojn, poste nigrulojn kaj blankulojn. En Afriko Dio lokis tion, kio povas plaĉi al la kreitaj homoj: mult-nombrajn bestojn por ĉasistoj, fiŝ-riĉajn riverojn por fiŝ-kaptistoj, fruktojn, kiujn oni povas kolekti sen granda peno, kaj ĉiam-varman veteron. En la ceterajn partojn de la mondo Dio metis malvarmon, glacion, neĝon, malbonan teron, sed ankaŭ librojn kaj la sciojn, kiujn ili enhavas.

Post tio Dio demandis unue la nigrulojn, kion ili volas elekti por si. La nigruloj elektis Afrikon, kaj la blankuloj do devis kontentiĝi pri la cetera mondo. Nu, la estonteco montris, ke la nigruloj faris grandegan eraron. Certe, la blankuloj ĉiam suferis pro malvarmo kaj devis ĉiam multe labori por eltiri manĝaĵojn el la nefrukto-dona tero, sed la scienca enhavo de la libroj donis al ili mirindajn povojn, dank' al kiuj ili sukcesis konstrui komfortajn domojn, fari varmigajn vestojn kaj devigi la teron doni al ili grandan kvanton da fruktoj.

Kompreninte sian eraregon, la nigruloj nun deziras kleriĝi. Kaj nun ili multon lernas ĉe la blankuloj.

*ĉasi:* kapti, mortigi bestojn

***Dumonata socikultura internacia revuo de la esperantista junularo (TEJO). Ĝi enhavas interesajn artikolojn ankaŭ facillingvajn.***

**Eldonanto** de JUNA AMIKO: ILEI, Riouwstr.172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando. **Redaktoroj**: *Stefan MacGill* (Pannónia u.30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario, *stefan.macgill@gmail.com*) kaj *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fsz.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario, *geza@banyai-kkt.sulinet.hu*) **Lingva revizianto**: *Baldur Ragnarsson* (Islando). **Kunlaborantoj**: *s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki* (Finnlando), *Elena Nadikova* (Rusio), *Neringa Zasaite* (Litovio), *Jean Monique Noël* (Francio), *Jadranka Mirić* (Serbio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Bardhyl Selimi* (Albanio), *Dieter Berndt* (Germanio), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár, Judit Felszeghy, Hajnal kaj Karina MacGill* (Hungario), *Marija Belošević* (Kroatio), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *José J.Campos Pacheco* (Kubo), *Jasuo Hori* (Japanio), *Gian Piero Savio* (Israelo), *Nguyen Thi Ngoc Lan* (Vjetnamio), *Eric Nsabiyumva* (Burundio). **Grafikistoj**: *Pavel Rak* (Ĉeĥio), *Monika Molnár* (Hungario). **Komputila kolora tekniko**: *János Bakk* (Hungario)

Presita kunlabore kun **Presejo Saluton**, Budapeŝto, Hungario

**Administranto**: *Stefan MacGill* (adreso supre)

**ISSN 0230 1318**

**La sekva numero aperos en aprilo**

# KOLIBRIDO

## Zunzún

Aŭtoro: Ernesto Padrón
Tradukis: José de J. Campos Pacheco, Kubo



# PAVEL RAK

KRESLENÝ HUMOR

DESEGNITA HUMURO

CARTOON HUMOUR

HUMOR MIT DEM ZEICHENSTIFT




K A V A - P E C H